12a JARO No. 8/9. AŬGUSTO-SEPTEMBRO 1920.



Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtisto.
(Joh. X., 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO. OFICIALA ORGANO DE LA INTERNACIO KATOLIKA.

## La VIa Internacia Kongreso de Esperantistaj Katolikoj

en Den Haag, la 15an kaj 16an de Aŭgusto 1920a rezultigis la fondon de

## Internacio Katolika.



**La internaĵo de la preĝejo Sta Jakobo**
en 's Gravenhage, la loko de la 6a Internacia Katolika Kongreso Esperantista.

# Oficiala parto.

## Karaj gelegantoj!

Unuafoje skribante tie ĉi kiel la tiu ĉi-jara prezidanto de Ika , mi salutas vin. Kaj ĝojo estas en mia koro, ĉar mi pripensas la unuecon, la unuanimecon de vi ĉiuj, ne nur per nia kara helplingvo sed per la vera kaj fakta interna ideo, kiu kunigis vin. Tia unueco de animoj estas la espero de nia Ika , la espero de ĝia prezidanto.

Mi kredas je via unueco: kvankam vi estas de diversaj nacioj kaj ŝtatoj, en diversaj landoj kaj mondpartoj vi celas nur la saman celon, kaj vi ĉiuj klopodos, ĉiumaniere atingiĝi la celon de Ika Vi ĉiuj malpligravigos la grandan taskon de mi kaj de miaj kunestraranoj; ne nur la konsilantoj faros ĝin, ne nur la landaj direktoroj, sed vi ĉiuj.

Estas montego, kiun ni volas kaj devos supreniri. Ĉiu metu antaŭen sian propran piedon: kaj ĉiu faru tion en la direkton, kiun la estraro montros, faru tion sub la gvidado de la estraro.

Sed ne nur labori devas ĉiu, kiu povas: ĉiuj povas ankaŭ preĝi por la Dia beno. La frata preĝo apogos ĉiujn laborantojn.

Laborante kaj precipe preĝante, ni sukcesos. Neniam ni sukcesos per ni mem: ni nur sukcesos per la volo kaj la beno de Dio.

Gemert, la 31an de Aŭgusto 1920a

Poell, prez. de Ika .

---

## Nia Sesa

en la ĉefurbo de la en nuna tempo vere modele katolike aganta Nederlando, en 's Gravenhage (Den Haag, aŭ, Esperantlingve: Hago) dum la 15a kaj la 16a de Aŭgusto 1920a , estis karakterizata historie per la fondo de Internacio Katolika, t. e. institucio, destinata, unuigi ĉiuspecajn katolikajn organizaĵojn sur la tero, kun la celo, akceladi ĉiel ajn la praktikan Katolikismon, tiom necesan, por elkonduki la mondon el la nuntempaj senmoralaĵoj, maljustaĵoj, egoistaĵoj, kaj revivigi en la familioj kaj en la ŝtatoj la ideon de vera Kristaneco. De nun, Esperanto estos ankaŭ por la katolikoj la helpa lingvo internacia, kaj ĝia disvastigo estos tasko de la landaj Ligoj de katolikaj Esperantistoj nur tiel, ke ili instigas la membrojn de ilialandaj katolikaj organizaĵoj al akcepto kaj uzado de tiu lingvo por la interkomunikiĝo kun samcelaj alilandaj organizaĵoj, do, por faciligo de tutmonda kunlaborado por la doktrino de Kristo. Tial malaperis el la titolo de la nove fondita unuiĝo la vorto „Esperantista“;

por vera Internacio Katolika Esperanto estas neprajo, absolute necesa interligilo de la multlingva katolikaro, en ĝia uzado motivita jam per la vorto „Internacio“. Sen internacia lingvo Internacio moderna ja estus sensencaĵo; nur tia lingvo garantias la grandiozan efikon, kiun ebligas la kunpreno de ĉiuj iel organizitaj kaj organizotaj ankoraŭ katolikoj en unu organismo. Tiu vere universala organismo havu nur unu lingvon komprenatan ĉie ajn, por ke la donitaj per ĝi ĝeneralaj ordonoj tuj estu obeataj kaj efektivigataj, sen komplika procedo de interpretado de unu sama gvidanta diro en multaj diversaj lingvoj. Frapon post frapo fariĝu ĉio necesa por la celoj de la katolikoj, rapide, senprokraste, samtempe en ĉiuj landoj, kaj, dank' al Esperanto, unu cirkulero sufiĉos, por movigi en sama direkto ĉiujn katolikajn organizaĵojn sur la tero.

Tiu estas la intenco. Ĝia efektivigo dependos de la lerteco, de la fervoro, la insisto de la landaj katolikaj Ligoj Esperantistaj aliĝantaj al „Internacio Katolika“. Kompreneble, tio postulos energian, senlacan laboradon, por konvinki la gvidantojn de la ankoraŭ ne akceptintaj Esperanton organizaĵoj katolikaj pri tiu necesa antaŭkondiĉo por internacie efikplena agado. El societo simple propagandanta Esperanton kiel lingvo, la ĝisnuna IKUE antaŭenmarŝis en la vicon de la ĉiuspeca katolika organizaĵaro, por partopreni en la laborado de la ceteraj samreligianaj unuiĝoj, helpante ilin per la internacia lingvo.

La beno de Dio akompanu la organizitajn en nova formo Esperantistojn katolikajn sur la nova, multe pli larĝa, vojo kaj certigu al ili la atingon de la komuna celo katolika per la helpo de ilia speciala ilo: Esperanto.

En la nuna numero ni al la kara gelegantaro de „E. K.“ ne plion povas prezenti ol bildon de la kunsidoj dumkongresaj kaj la decidojn, precipe pri la nova Statuto kaj Detala Regularo kaj pri la dua grava temo de la ĵus pasinta kongreso: la tekstoj de la ĉefaj preĝoj katolikaj. Ni esperas, ke en la sekvonta numero ni povos skizi ambaŭ internaciajn Kongresojn Esperantistajn en Hago, la XII^an de Esperanto kaj „Nian Sesan“, laŭ iliaj impresoj kaj detaloj.

El la oficiala protokolaro pri la kunsidoj kaj parte — ĉar, preparante la enhavon de la nuna numero, ni ne posedis ankoraŭ la tutan protokolaron — el la raportoj en la Nederlanda gazetaro pri la okazantaĵoj dum Nia Sesa ni ĉi tie raportas, komencante per

## la oficiala malfermo
### de la VI^a Internacia Kongreso de IKUE.

Precize je la 12^a horo de la 15^a de Aŭgusto — dimanĉo — do tagmeze, Pro L. Koller, parohestro en Göttweig, la fama Benediktana monahejo en Aŭstrujo, unu el la direktoroj de „E. K.“, veninte Hagon per afabla helpo de la Organiza Kongreskomitato kun kvar ceteraj AKLE-anoj, diris sanktan meson en la preĝejo de Nia Sinjorino senmakule koncepciita, en Elandstraat, ĉe la bele ornamita ĉefaltaro. Multaj kongresanoj kaj eminentuloj en la inter-

nacia katolika movado ĉeestis tiun solenan Diservon, kantante „Veni Creator“ kaj Esperantlingve la Himnon Katolikan kaj „Ni volas Dion“. Sur la orgeno Sro K. Heymans ludis la introdukcion de la dua sonato por orgeno de Mendelssohn, Adagio de Mendelssohn, la Preĝon de Boëllmann kaj Toccata el la Fugo en D de Bach. Sro W. Lutkie, pastro el Gemonde, la vicprezidanto de Nia Sesa, diris de sur la predikejo la edifantan predikon, kies tekston ni publikigas alialoke en tiu ĉi numero.

Je la 2a lunĉo kunigis la kongresanojn en St. Alphonsus-patronato, la kongresejo, kie je la $2^1/_2$a komencis en bele ornamita salono

**la malferma kunsido.**

El la Honorkomitato ĉeestis i. a. la Sroj Prof. J. A. Veraart, Dro L. J. Sicking kaj G. Kropmann, kiam Pro Poell, la prezidanto de la kongreso, anstataŭante la prezidanton de IKUE, Pron Parker, salutis la kunvenintojn. Li esprimis la dankon de la Kongreso al la Honorkomitato, unuavice al lia Kardinala moŝto, la ĉefepiskopo en Wien, Dro F. G. Piffl, tiam al la episkopoj el diversaj landoj, kiuj per favoraj leteroj estis sciigintaj sian simpation por la katolika Esperanto-movado kaj por la Kongreso de katolikoj Esperantistaj, al la ministro-prezidanto en Nederlando kaj al ĉiuj ceteraj Honorkomitatanoj. Kun bedaŭro pri la ne-ĉeesto de Pro Parker kaj de la ĝenerala sekretario de IKUE, Pro Bianchini en Meduno d'Udine, kiuj de la nuntempaj cirkonstancoj estis malhelpataj, partopreni en la kongreso, Pro Poell dediĉis elkorajn vortojn de memoro al la prezidanto de la pli frua Kongresoj, la neforgesebla abato Richardson, kaj al la sekretario forrabitaj de la kruela milito, Sro Colas. Kun frata kaj pastra saluto li tiam deklaris la sesan kongreson de IKUE malfermita.

Sro Heilker, la prezidanto de la Organiza Komitato por Nia Sesa' direktis en Nederlanda lingvo vortojn de danko al la ĉeestantaj samlandanoj kaj ankaŭ al la ne-ĉeestantaj, kiuj per indeco, ofico kaj nomo helpis al la brilo de la Kongreso, en la nomo de ĉiuj Esperantemuloj, intencantaj uzadi la internacian lingvon „ad majorem Dei gloriam“. Kun la beno de la Papo kaj de la Eparĥiestro, la sukceso ne mankos al la Kongreso. La parolanto esprimis la esperon, ke la morala subteno de la Honorkomitatanoj helpos, ke la neŭtrala helpa lingvo tre baldaŭ estos uzata, por plihonori Dion kaj pligloriĝi la sanktan Eklezion.

Ĉiuj ĉeestantoj kune kantis la Himnon Katolikan kaj tiam parolis unu post la alia la reprezentantoj de la diversaj landoj.

La unua parolis Sro Prof. Veraart, Honorkomitatano, bedaŭrante, ke li ne povas alparoli la kongresanaron Esperantlingve, sed esperante, ke tre baldaŭ li post diligenta studado de la lingvo estos kapabla, flue paroli per ĝi. Li mem estis „oferaĵo“ dum kelkaj internaciaj kongresoj, sentante la mizeron de ilia multlingveco. Li esperas, ke la tasko, unuigi la katolikojn el la tuta mondo per la helpa lingvo, estos sukcesigata, por ke nia laboro sur kultura kaj socia kampo iĝu pli frukta kaj pli simpla. Li finis sian parolon per la plej bonaj deziroj por la sukceso de la kongreso.

Dro Hotzelt el Nürnberg (Germanujo) alportis la salutojn de la Sud-Germanujaj kaj ankaŭ de la Hungarujaj katolikaj Esperantistoj, precipe de Monsro Dro Giesswein en Budapest.

Sro Tiard parolis en la nomo de la Algerujaj katolikaj Esperantistoj.

Dro Mielert el Breslau en Supra Silezio, esprimis sian ĝojon pri la ebleco, ĉeesti la unuan katolikan „feston de amo" post la tutmonda milito. En la nomo de lia Kardinala moŝto, la princ-episkopo en Breslau, Dro Bertram, li deziris, ke la kongreso tute sukcesu, kaj alportis la salutojn de la Germanujaj katolikaj Esperantistoj. Li dankis la samideanojn, kiuj al la Germanoj ebligis la vojaĝon Nederlandon.

Dro Metzger el Graz (Aŭstrujo, Stirio) parolis en la nomo de la mond-pacligo „Blanka Kruco", kiu dum la preparaj laboroj por la kongreso unuiĝis kun IKUE al Internacio Katolika. Li esperas, ke el la nuna kongreso naskiĝos nova forta kunlaborado, por ke tre baldaŭ estu efektivigata la ordono de Kristo, ke ĉiuj katolikoj estu unu.

Sro kolonelo Perogordo el Madrid (Hispanujo) parolis en la nomo de la katolikaj Esperantistoj en Hispanujo, la lando, kiu — li fiere rememorigis pri tio — estis la unua, kiu per la buŝo de la reĝo Alfonso kaj de lia tuta ministraro dediĉis sin al la Sanktega Koro de Jesuo.

Sro komandanto grafo Alessio el Padova (Italujo) alportis la salutojn de la Italujaj katolikaj Esperantistoj, kiuj dum Oktobro havos kongreson en Bologna, por priparoli la katolikajn aferojn, kaj kiuj volonte sekvos la instigojn ricevatajn el Nia Sesa.

Pro Meŝtan, provincialo de la ordeno de Piaristoj en Aŭstrujo, unu el la direktoroj de „E. K.", parolis en la nomo de AKLE, la Ligo de katolikaj Esperantistoj en Aŭstrujo, kiel ĝia prezidanto, kaj sciigis, ke li havas specialan permeson de lia generala estro en Roma, de lia Kardinala moŝto Piffl kaj de la episkopo en St. Pölten, Dro Rössler, esprimi iliajn simpatiojn por la kongreso. Li raportis pri la florado de la Esperanto-movado inter la katolikoj en lia lando, kiuj nun regule, dum la tria dimanĉo en ĉiu monato, havas en Wien Diservon kun Esperantlingvaj prediko, kantoj kaj preĝoj.

Sro Schamanek el Wien (Aŭstrujo) dankis precipe en la nomo de la Wien'aj gepatroj pro la helpo de Nederlando al la infanoj kaj detale raportis pri la malfeliĉa situacio en lia lando.

Sro Hookham parolis en la nomo de la Anglujaj,

Sro Muffang en la nomo de la Francujaj katolikaj Esperantistoj.

Sian ne-ĉeeston senkulpigis per afablaj salutleteroj la Honorkomitatanoj Monsro Wytenburg, Dro Moller, G. Huys, J. Bomans, Monsro Dro Ariens kaj Pro Kops.

Sro Heilker tiam komunikis al la ĉeestantoj la tekston de la telegramo sendita al lia Papa moŝto kaj de la ricevita respondo el Roma.

Monsro Callier, episkopo en Haarlem, Nederlando, estis sendinta telegramon, kies teksto estis Esperantlingve:

„Danka pro la prezentita respekto, Ni deziras al tiu ĉi kongreso la plej bonan rezulton kaj volonte donas al ĉiuj partoprenantoj Nian episkopan benon."

Krom letero de Pro Parker estis laŭtlegataj leteroj kun la plej bonaj deziroj senditaj de Monsro Grigorios Haggear, ĉefepiskopo en Galilea (Palestino), Monsro Gross, episkopo en Litoměřice (Ĉeĥoslovakujo). Monsro Dro Rössler, episkopo en St. Pölten (Malsupra Aŭstrujo), Monsro J. von Euch, episkopo de Anastasiopolis, Apostola vikario de Danujo kaj Islando, en Kjöbenhavn,

Monsro F. Kareviciu s, episkopo en Kaunas-Kowno (Litovujo), lia Karda moŝto Dro Bertram, princ-episkopo en Breslau (Supra Silezio), Monsro Luigi, episkopo en Meduno d' Udine (Italujo), Pro Dombrowski en Kaunas, plue leteroj el Bavarujo, Saksujo, Bohemujo, Ĉehoslovakujo, Rejnlando, Kongo, Britujo, Danujo, Hispanujo, Palestino, Francujo, Jugoslavujo, Egiptujo, Tirolujo, Letujo, Aŭstrujo, Polujo, Svisujo, Hungarujo kaj Stirujo.

La kunsido tiam estis interrompata, por okazigi fotografadon de la kongresanaro, kaj tiam paroladis Pro Poell pri la Internacia Ligo de la katolikoj de agado. Tiun tekston ni publikigos ankoraŭ.

Sro Heilker dankis al la paroladinto lian profundspiritajn vortojn kaj la ĉeestantoj fervore aplaŭdis.

Sro W. Lutkie pritraktis la temon: Kial Internacio Katolika? per la respondo: por alporti al la mondo la amon. La moto de li parolado estis: Kaj estos unu ŝafejo kaj unu paŝtanto. Ankaŭ lia parolado estis tre aplaŭdata.

En dankparolo la kongresprezidanto rekomendis, preĝante, antaŭ ĉiuj memori la ne-katolikojn. Post komune kantata „Ni volas Dion" la malferma kunsido havis finon.

Tiam la kongresanoj kune promenadis al Haagsche Bosch (arbaro), kie en Boschhek komuna tagmanĝo estis preparita por ili.

## La ferma kunsido.

La 16an la kongreso havis finon. Je la 8a matene en la kapelo de la Boromeaninoj sankta meso estis dirata de Sro Dro Metzger el Graz por la animpaco de la formortintaj Esperantistoj. Dum la meso okazis ĝenerala komuniiĝo kaj la prezidanto de la kongreso, Pro Poell, diris Esperantlingve predikon pri la formortintoj. Per Esperantlingva kanto de „Al vi, ho reĝo de ĉielo" finis la Diservo.

Post komuna lunĉo la prezidanto Pro Poell malfermis je la 10a la kunsidon kaj laŭtlegis la dankleteron de ŝia Reĝina moŝto por la saluta telegramo de la kongreso. Tiam li salutis la Bulgaran samideanon Dro Krestanoff kaj petis lin, paroli al la kongresanoj.

Dro Krestanoff parolis, estante Protestanto, por unuigo de ĉiuj sektoj en unu Diservo de vereco. Pro Poell dankis la parolinton kaj diris i. a.: En niaj preĝoj por la unueco de la Kristanaro ni memoros Sron kaj Snon Krestanoff.

La sekretario de la kongreso, Sro Dro Smulders, raportis pri la IVa internacia kongreso de katolikaj Esperantistoj en Roma kaj menciis, ke dum tiu kongreso estis proponata katolika internacia telegraf-oficejo kiel komune dezirinda.

Prez. Pro Poell rimarkigis, ke tio estas pure financa demando. Cetere, oni klopodu akiri por tiu ideo la ĵurnalistojn kaj la ĉiulandan katolikan gazetaron.

Sro Dro Metzger priparolis la ekzistigon de Internacio Katolika per unuigo de IKUE kaj de Kruco Blanka. Tiu laste nomita institucio tamen daŭru kiel internacia Ligo de katolikaj organizaĵoj porpacaj, kiuj estu fondataj en ĉiuj landoj.

Post dankvortoj de la prezidanto al la parolinto la traktado pri la nova Statuto estis daŭrigata. Por verkado de „Detala Regularo" komisiono

estis elektata, konsistanta el la Sroj Dro Metzger, Alessio, Mielert kaj Heilker.

La Statuto interkonsénte estis akceptata nur kiel provizora, ĝis la sekvonta kongreso, por ke la aliĝontaj organizaĵoj povu influi la definitivan Statuton. Pri tio la invitotaj al aligo organizaĵoj estu informataj.

Al art. VII. estis aldonate: „kaj la direktoro de la administra oficejo elektata laŭ la „Detala Regularo". La direktoro de la administra oficejo funkcias kiel ĝenerala sekretario de Ika.

La ceteraj artikoloj estis akceptataj en la proponita formo.

La prezidanto dankis al la komisiono por la multvalora prepara laboro.

Sro Lutkie rimarkigis, ke la nova Statuto ligas la nunajn Ika-anojn kaj estas provizora nur por la ankoraŭ ekster Ika ekzistantaj katolikaj organizaĵoj, por doni al ili okazon, influi la definitivan Statuton.

Prez. Pro Poell diris, ke kiel la tri prezidantoj de Ika estu komprenotaj: unu prezidanto kaj du vicprezidantoj, kaj kiel „landoj" la ŝtatoj, kaj tiam li deklaris, ke la Internacio Katolika estas fondita.

Sro Dro Metzger proponis, demandi la registaron pri aprobo de la nova Statuto. Se dum la venonta jaro ia ŝanĝo estus necesa, tiu facile estus efektivigebla. La propono ĉiuvoĉe estis akceptata.

Sro Mielert laŭtlegis la ĉefajn artikolojn de la Detala Regularo, en kiu i. a. ankaŭ la eldono de internacia revuo kiel oficiala organo de Ika estas fiksita. Tia restu provizore „Espero Katolika".

La fiksado de la Detala Regularo estis lasata al la estraro de Ika kaj la kunsido tagmeze estis fermata.

Posttagmeze je la 3a la kunsido ree estis malfermata.

La prezidanto Pro Poell salutis la sekretariinon de la Federacio de la rom.-kat. Ligoj de virinoj en Nederlando, Sno Kleipool, kiu jam antaŭ la tutmonda milito komencis serĉi internaciajn interrilatojn. Li esperas, ke ŝi konvinkiĝis pri la neceseco de Esperanto por tiuj klopodoj.

Tiam la prezidanto sciigas, ke la intenco estas, elekti la prezidantojn de Ika por tri jaroj; dum unu jaro sinsekve ĉiu el ili estu prezidanto kaj dum la pluaj du jaroj vicprezidanto.

Sro Dro Metzger proponis, por akcenti la neŭtralecon de „Internacio Katolika", unu prezidanton elekti el la neŭtralaj landoj, unu el la Entente-kaj unu el la Centra-Eŭropaj landoj. La unua funkcianta prezidanto estu el la neŭtralaj landoj.

La kunsidantoj aprobis la proponon kaj elektis, laŭ propono de Sro Dro Metzger,

la unuan prezidanton: Pro Poell (Nederlando),

la du unuajn vicprezidantojn: Sro Nankivell (Britujo) kaj Dro Mielert (Germanujo),

la unuan direktoron de la administra oficejo kaj ĝeneralan sekretarion: Sro Dro Metzger (Aŭstrujo),

Kiel direktoroj*) por la diversaj landoj estas elektitaj:

*) La adresoj estas troveblaj en la publikigitaj listoj de abonantoj de „E. K.".

por Nederlando: Sro Dro Smulders,
por Germanujo: Sro Dro Hotzelt,
por Aŭstrujo: Sro Schamanek,
por Italujo: Sro Alessio (elektota definitive dum la kongreso en Bologna),
por Hispanujo: Pro Planell,
por Francujo: Sro Muffang,
por Britujo: Sro Hookham,
por Hungarujo: Sro de Marich,
por Ĉeĥoslovakujo: Sro Dro Pfeifer,
por Litovujo: Pro Dombrovski,
por Danujo: Sro Krejl,
por Polujo: Pro Szurek,
por Palestino: Pro Schmitz,
por Belgujo: Sro Neybergh,
por Norda Ameriko: Sro Vidikovski,
por Irlando: Pro Parker,
por Svisujo: Sno Milsom,
por Kongo: Pro Marrevee,
por Jugoslavujo: Sro Bubalo,
por Venezuela respubliko: Sro Esteller.

Tiuj elektoj estas nur provizoraj. Por la ceteraj landoj la prezidantoj elektu direktorojn.

La redaktado de la oficiala organo de „Internacio Katolika" estas lasata al la nuna redaktoraro de „Espero Katolika".

Kiel loko por la sekvonta kongreso „Nia Sepa" estas elektata Graz (Aŭstrujo-Stirio), kie la centra oficejo de Ika estos instalata. La kongreso estu aranĝata post la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto en Praha (Ĉeĥoslovakujo).

Sro Dro Hotzelt rekomendas informojn al la junularo kaj regulan korespondadon inter la katolikaj Ligoj junulaj en la diversaj landoj.

Sro Sappl (München, Bavarujo) proponas, unue adeptigi por Esperanto la estrarojn de la Ligoj junulaj.

Sro Dro Metzger proponas, elekti komisionon el la prezidantoj de la Esperanto-organizaĵoj en la diversaj landoj, por akceli la propagandon de Esperanto.

Sro Heilker memorigas pri la malbon-enhavaj libroj ekzistantaj ankaŭ en Esperanto kaj, ke estas devo de la katolikaj pastroj, lerni Esperanton, kaj ankaŭ de la gepatroj, por ke ili povu prijuĝi, kiajn librojn legas iliaj infanoj.

La propono de Sro Dro Metzger pri kunlaborado de la prezidantoj de Esperanto-organizaĵoj por akcelado de la Esperanto-movado estas akceptata.

Tiam ekparolis, akompanate de granda aplaŭdo, Sro Dro Sicking, la rektoro de la rom.-kat. liceo en Hago, en Esperanto, lerninte la lingvon dum la kongrestagoj. Homoj el diversaj landoj — li diris en la fino de lia parolado — kunvenas en kongresoj kaj interkompreniĝas kaj tial la homaro unuiĝas per lingvo. Kiacele? La granda ununura celo estas la gloro de Dio, por ke la homoj laŭdu Jesuon-Kriston kaj ĉiuj lernu preĝi: Mi kredas je unu Dio. Liaj vortoj en sendifekta Esperanto diritaj vekis

elkoran aplaŭdon kaj la prezidanto esprimis al Dro Sicking la dankon de la kongresanaro.

Pro Meŝtan proponis jenan rezolucion, kiu ĉiuvoĉe estis ekceptata:

La kongreso esprimas la fervoran deziron, ke la katolikaj pastroj-Esperantistoj klopodu, enkonduki Esperanton en ĉiuj katolikaj rondoj, precipe inter iliaj pastraj kunfratoj, por ke la helpa lingvo senprokraste estu enkondukata, almenaŭ fakultative — kio okazas jam en multaj ŝtataj lernejoj — ankaŭ en niaj katolikaj pastro-seminarioj.

Laŭ propono de Sro Heilker la kongresanoj decidas, deklari la komisionon pri la tekstoj de la ĉefaj katolikaj preĝoj daŭra por plua eldono de Esperanto-preĝoj.

Diversaj detalaj aferoj estas priparolataj.

Sro Alessio rimarkigas en la fino de la kunsido pri la granda valoro de tiu kongreso; kiam oni komparas, tia komparo estos favora por „Nia Sesa". La parolanto ĉefe laŭdas la Organizan Komitaton kaj precipe la prezidanton.

Sro Heilker dankas en la nomo de la komitato kaj laŭdas la Hag'ajn komitatanojn, precipe la Gesojn Marrevee, Sron Zentgraaf kaj Snon Evers.

Prez. Pro Poell diris ankoraŭ dankvortojn al la Hag'aj komitatanoj, al Sro Pastoor, ĵurnalisto en 's Hertogenbosch, kiu prizorgis la raportojn al la tuta Nederlanda gazetaro kaj per tio faris gravan laboron, al Sro Lutkie, kiu daŭre informis la gazetaron pri la preparado de la kongreso, kaj al Dro Smulders, kiu iniciatis la kongreson.

La kongresanoj akompanis per elkora aplaŭdo tiujn dankvortojn.

Kun forta alvoko al fervora laborado por la gloro de Dio la prezidanto fermis la kongreson. La kongresanoj disiris, kantinte fine la Himnon Katolikan.

(Laŭ la kongres-raportoj en la Nederlanda gazetaro).

*

# Raportoj.

## La unua kunsido.

**(Dum la XIIa Universala Kongreso de Esperanto en Hago, St. Alfonso-Patronato, Elandstraat, la 10an de Aŭgusto.)**

La prezidanto, paroĥestro Poell, ankoraŭ ne estis alveninta je la komenco de la kunsido; Sro P. Heilker, vicprezidanto, do prezidis kaj malfermis la kunsidon per la Kristana saluto: „Laŭdata estu Jesuo-Kristo!"

Ĉeestas 20 kongresanoj laŭ la de ili signita listo de ĉeestantoj.

La prezidanto salutas la kongresanojn, ilin dankante pro ilia oferemo, ne ĉeesti la distraĵon de la XIIa Universala Kongreso, okazantan tiun saman matenon.

Unue laŭ la paragrafo IIIa de la kongresregularo estas proponate, elekti oficialajn raportistojn por la oficialaj raportoj presotaj en „Espero Katolika" kaj por la raportoj presotaj en la oficiala protokolaro de la XIIa Universala kongreso de Esperanto.

La proponitaj Sroj F. Marrevee por la unue nomita kaj P. Schendeler por la due nomita funkcio estas elektataj kaj akceptas la funkciojn.

Estas disdonata listo enhavanta dek temojn de diversaj kongresanoj proponitajn por pritrakto.

La prezidanto, aŭdinte, ke kelkaj kongresanoj deziras partopreni kelkajn distraĵojn de la XIIa Kongreso, demandas, ĉu, por kontentigi ĉiujn, oni eble deziras ŝanĝi la tagojn kaj horojn de la katolikaj kunvenoj, ekz., kunveni ĵaŭdon anstataŭ vendredon.

Dro Metzger (Graz, Aŭstrujo, Stirio) diras, ke li ne povos ĉeesti ĵaŭdon, ĉar li devos ĉeesti la katolikan kongreson kontraŭ alkoholismo en 's Hertogenbosch (Boskoduko).

Dro Smulders volas diri sian privatan opinion: Unue, li ne ŝatas ĉiufojan ŝanĝadon de jam fiksitaj aranĝoj. Due, kelkaj kongresanoj ne povos ĉeesti ĵaŭdon, kiel Dro Metzger, kiu havas tiom gravan proponon. Trie, kongresanoj, alvenontaj vendredon, estos malkontentaj, eksciiĝante, ke ne okazos la en la programo komunikita vendreda kunveno.

Sro Mielert (Breslau, Germanujo, Or. Silezio) deklaras sin disponebla, labori ĉiutage.

La prezidanta Sro Heilker diras, ke oni eble povos kunveni vendredon antaŭtagmeze anstataŭ posttagmeze.

Laŭ voĉdono — 6 voĉoj kontraŭ, 5 voĉoj por la ŝanĝo de la programo, la ceteraj voĉoj neŭtralaj — la programo ne estos ŝanĝata.

Dume alvenis Pro Poell, kiu post bonvensaluto prenas la prezidon de la kunsido kaj donas la vorton al

Sro Mielert, kiu laŭtlegas du referatojn:

la 1an pri „la forgesita Oriento“, en kiu li petas, doni helpon al la forgesita centra urbo Breslau, kiu tiom suferis ĉiuflanke.

la 2an pri „profesiaj propagandistoj de IKUE.“ Li laŭtlegas artikolon de Dro Vogt en Augsburg, kies avizoj estas uzeblaj de katolikoj. La nuntempa diverseco de monvalutoj povos helpi, por fondi kapitalon, per kiu en diversaj landoj Esperanto povos esti propagandata de bone salajrotaj propagandistoj.

Post tio la prez. Pro Poell petas

Sron Alessio (Padova, Italujo), ĉu li povos doni informojn pri la Katolika Internacio en Italujo. Sro Alessio diras, ke tia agado ne estas pure katolika afero sed ĉefe politika. Estas pli katolika-nacia agado, kiu prizorgas ĉefe la politikan aferon. Ankaŭ ne-katolikoj membriĝis al tiu katolika ligo.

Prez. Pro Poell rimarkigas, ke tio eble estas bona aranĝo por Italujo, sed la agado de katolikoj en la mondo postulas la nomon de katolika agado, kaj pro tio la katolika agado en Italujo ne povas esti la nia.

Dro Metzger diras pri „Blanka Kruco“ en Graz (Aŭstrujo, Stirio), ke ĝi ne estas politika afero, sed pure katolika, kiu intencas, efektivigi kunlaboradon de la katolikoj en la tuta mondo sur spirita, religia kaj kultura kampo, kaj ke ĝi intencas, starigi centran oficejon kun memstaraj organizaĵoj en ĉiuj landoj. Tiu internacia Ligo katolika uzados Esperanton kiel komunikilo.

Dro Mielert diras, ke grava afero estas la disvastigado de Esperanto, ĉar en tiu okazo ni jam estas preskaŭ venintaj al la celo dezirata. Ni havas du celojn:

1e : propagando de Esperanto,

2e : starigo de Katolika Internacio. Ni ne forgesu la financan flankon.

Prez. Pro Poell rimarkigas, ke ni do havas tri aferojn: 3e ankaŭ la financan.

Pro Koller (Göttweig, Aŭstrujo) diras, Esperanto estas nur ilo. La tutmonda milito montris al ni la necesecon de Esperanto por la katolika nternacia movado. Laŭ li estas necese, ke kelkaj punktoj en la regularo de IKUE estos ŝanĝataj. Plue li opinias, ke devas ekzisti nur unu Esperantlingva gazeto por katolikoj, kiun devos aboni ĉiu katolika Esperantisto. Tuja ŝanĝo de la regularo estu la unua afero farota.

Dro Metzger diras: La punktoj 1—4 kaj 6 de la temoj proponitaj povos esti priparolataj kune. Estas necese, — kion diris Pro Koller — havi unuecon en nia movado. Ni devos havi specialan unuiĝon, por disvastigado de nia movado, kaj ĝeneralan Union enhavantan ĉiujn katolikajn movadojn.

Sro Schamanek (Wien, Aŭstrujo) entuziasme pledas por pure katolika movado. La nomigo „Kristana" ofte estas trompiga. En Kristana organizo estas eble, eĉ kontraŭagadi katolikajn interesojn.

Prez. Pro Poell rimarkigas, ke ne estas necese, starigi katolikan internacion; ni ĝin posedas jam. La katolika internacio estas ni. Ni nur devos priparoli kaj fiksi, kiamaniere ni agados. Se ni simple uzas Esperanton, ĉiuj jam komprenos, ke ili devos lerni Esperanton, por povi kunlabori. La prezidanto do proponas, nur forlasi la adjektivon „Esperantista" el IKUE kaj nomi la Ligon IKU (Internacia Katolika Unio).

Sro Heilker deklaras, ke la fondintoj de IKUE faris grandan eraron, nomante la Ligon „Esperantista". Tiun eraron nun ni devos forigi. Pro tio la pastroj Poell kaj Lutkie kaj la parolanto mem projektis novan regularon La vorto „Esperanto" estu nomata en la regularo nur kiel „ilo", uzota, por atingi la celon: Honoro de Dio kaj florado de la Eklezio.

La parolanto proponas, nomigi komisionon, kiu pristudadu ĉi tiun projektitan regularon, por ke la venontan vendredon la kongreso decidu pri tio.

Dro Metzger deklaras, ke tre bone estas ebla unuiĝo de IKU kun la fondita jam antaŭ la tutmonda milito unio „Blanka Kruco". Ambaŭ unioj havas preskaŭ saman celon, kaj estas necese, ke estu nur unu sola Ligo.

Sro Alessio komunikas la malfacilaĵojn, kiujn havis la katolikaj pastroj en Italujo rilate Esperanton, kiu estas rigardata tie kiel verko de Bolŝevikoj kaj de Framasonoj, pro la „interna ideo" de Esperanto. La parolanto tamen opinias, ke, kiam oni scios, ke lia Papa moŝto ne estas kontraŭ nia movado, ĝi progresos.

Prez. Pro Poell rimarkigas, ke ni posedas jam pli altan internan ideon kaj frateçon en nia katolika Eklezio.

Pro Meŝtan (Krems, Aŭstrujo) laŭtlegas parton de parolado, kiun diris Dro R. Kralik dum la Katolika Tago en Wien, en kiu li detalis la necesecon de katolika tutmonda organizo.

Prez. Pro Poell tiam proponas, nomigi en la komisionon por pristudado de la projektita regularo de IKUE:

Srojn Heilker (prez.) kaj Dro Metzger, Alessio kaj Mielert.

Tiu propono estas akceptata.

Sro Mielert proponas, eldoni en ĉiu lando broŝuron pri la Ligo en nacia lingvo.

En la sekvonta kunsido, merkredon, la 11an de Aŭgusto, posttagmeze, estos pritraktataj la raportoj de la supre nomita komisiono kaj de la komisiono por pristudado de la unueco en la preĝoj, por kiu komisiono estas elektitaj: la pastroj Poell, Meŝtan kaj Preller kaj Sro Schamanek.

Sro Perogordo (Madrid, Hispanujo) parolas pri ŝparo de tempo dum la diskutado.

Prez. Pro Poell atentigas je la artikolo en la regularo pri la divido de tempdaŭro por priparolado de la temoj pritraktataj kaj fermas la kunsidon per la katolika saluto.

Marrevee.

## La dua kunsido, la 11an de Aŭgusto, ptm. je la 2a.

Prez. Pro Poell malfermas la kunsidon per la katolika saluto.

Ĉeestas 20 kunsidantoj. Post la komenco venas ankoraŭ 3.

Prez. Pro Poell atentigas la ĉeestantajn pastrojn, ke ĉiu en- kaj eksterlanda pastro estas rajtigita dum la VIa, preni konfesojn Esperantlingvajn.

Ĉar Sro Marrevee estas tro okupata per aliaj kongresaferoj, la ĉeestantaro elektas Sron Mielert kiel raportiston por la oficialaj raportoj presotaj en „Espero Katolika“.

Prez. Pro Poell komencas la tagordon, kies unua punkto estas:

Decido pri la unueca teksto de la ĉefaj katolikaj preĝoj.

Sro Schamanek, elektita raportisto de la speciala komisiono por tiu temo, laŭtlegas la raporton pri la du komisionaj kunsidoj kaj finas ĝin per komuniko de la elektitaj unuecaj tekstoj (troveblaj aliloke en ĉi tiu numero).

La komisiono — la ĉeestantaro akceptis ĝian decidon — elektis la tekstojn laŭ la sekvantaj vidpunktoj:

Oni uzis kiom eble nur Fundamentajn vortojn, do ankaŭ Jesuo kaj Mario.

Esceptojn oni devis fari pri la vortoj „graco“ kaj „koncepciita“, kiuj estas nepre necesaj, ne anstataŭeblaj per Fundamentaj vortoj.

Oni sekvis la Latinlingvan tekston kiom eble laŭvorte, ne nur laŭsence, lasante ekz. la adjektivojn kaj la pronomojn post la substantivoj, uzante „ĉielo“ kaj en alia loko „ĉieloj“ ktp.

„Kredo“ kompreneble postulis la plej longan pridiskutadon kaj en la komisionaj kaj en la decidanta kunsidoj. Oni elektis la formon „je“ por la Latinlingva „in“, speciale, por eviti amason da akuzativoj alie necesaj.

Tre viglan diskutadon sekvigis la propono de Sro Heilker, ŝanĝi la tekston „. . . Pilato, krucumita . . .“; laŭ lia opinio la vortoj „krucumita“ k.s. rilatus nun Pilaton mem. Post longedaŭra priparolado fine la komisiona teksto estas akceptata.

„Vere ni povis fini“ — diras Prez. Pro Poell — „post tiu ĉi serioza laboro fruktoplena per la fina teksto: Gloro al la Patro“. La prezidanto esprimas koran dankon al la laborema komisiono, kiu havigis al ni la longatempe deziritan unuecon en la ĉefaj preĝoj.

La 3a punkto de la labor-programo estas:

Propono de Sro A. Gelton, nomigi komisionon, kies tasko estos, prepari skriban kurson por gvidantoj kaj ĉefaj personoj de la Internacjaj Kristanaj Fak-organizaĵoj.

Anstataŭ la ne ĉeestanta proponanto donas Sro Schendeler klarigojn pri la propono, rakontante, kiom bonajn spertojn li havis el propra lia skriba kurso publikigita iom post iom en lia, bedaŭre jam ne ekzistanta, ĉiusemajna Esperanto-gazeto „Semereto". Multaj personoj instigis lin jam al reeldono de tiu kurso aŭ al aparta represigo.

Sro Schendeler nun estas preta, represigi iamaniere tiun kurson kaj traduki en la lingvo Esperanto, forlasante kiom eble nur laŭ-Nederlandajn gramatikaĵojn. Oni do bezonos nur kompletigi la tekston de la „skriba kurso" per nacilingvaj gramatikaĵoj, speciale necesaj por lernado de Esperanto, kaj per aldono de la nacilingvaj vortoj al la Esperantlingvaj ekzemploj.

Prez. Pro Poell per kora danko al la paroladinto konfirmas la laŭmeritan aplaŭdon de la ĉeestantaro.

Pro Meštan diras, ke oni tre facile povus kompletigi la „skriban kurson" per aldono de elpensitaj de li du Esperantaj Tabeloj, kiuj, verkitaj nur Esperantlingve, estas aplikeblaj al ĉiu ajn nacilingva Esperanto-lernolibro. Li klarigas la celon de lia bonega elpensitaĵo.

Sro Schamanek diras, ke la ĉefa afero estas, adeptigi la instruistaron por Esperanto, ĉar plejparte nur per buŝa instruado oni atingas la plej efikan sukceson. Li per multaj ekzemploj el lia sperto pruvas sian opinion.

Pro Koller atentigas pri la adeptigota pastraro, rekomendante ĉefe tiucelajn flugfoliojn. La adeptigitan pastraron tiam sekvos la laikaro.

Prez. Pro Poell rimarkigas, ke tio rilatas la 5an punkton de la labor-programo.

Sro Schendeler proponas, kunigi ambaŭ intencojn: adeptigi la pastraron kaj la instruistaron. Precipe en la nuna tempo oni zorgu ankaŭ pri enkonduko de Esperanto inter la katolika laboristaro.

Sro Schamanek ree rekomendas kiel ĉefaĵon, adeptigi la instruistojn.

Prez. Pro Poell proponas, sekvi la instigon de Sro Gelton kaj nomigi komisionon el nur unu persono: Sro Schendeler, kiu efektivigu la proponon.

La ĉeestantoj aprobas la proponon.

Sro Schendeler danke akceptas.

La 5a punkto de la labor-programo estas:

Propono de Sro Halbedl (Graz, Aŭstrujo, Stirio) aliformita de Pro Poell:

Peti la Sanktan Seĝon pri starigo de komisiono por pristudadi la taŭgecon kaj eblecon, akcepti unu ĝeneralan helplingvon por enkondukado en la katolikaj institucioj.

Ĉar Sro Halbedl ne ĉeestas, Dro Smulders laŭtlegas klarigon de la proponanto, kiu, aludante la katolikan eklezion kiel la plej grandan potencon en la mondo kaj la Latinan lingvon kiel la liturgian, kaj la emon de parto en la pastraro kaj la laikaro, enkonduki en la liturgion naciajn lingvojn, plue-

aludante la internaciemon de la nuna tempo, la grandiozan disciplinon en la katolikaro (pastraro kaj laikaro), kiu nepre devas sekvi la ordonojn de la Sankta Seĝo, la grandajn sukcesojn de Esperanto inter la Framasonaro kaj la kontraŭkatolika homaro, la bedaŭrindan dependon de la katolika gazetaro de la Hebreaj-Framasonaj telegraf-oficejoj, fine la tute facilan lerneblecon de Esperanto, petas akcepti jenan proponon:

„Konvinkiĝinte pri la neceseco kaj la devo, enkonduki Esperanto en ĉiujn katolikajn rondojn, la kunvenintaj en Hago la 15an de Aŭgusto 1920a katolikaj Esperantistoj je la VIa internacia kongreso de IKUE ordonas al la kongres-estraro verkadon de detala petskribaĵo, subskribota de la reprezentantoj de ĉiuj landoj, al la Sankta Seĝo, pri ĝenerala enkonduko de Esperanto en ĉiujn katolikajn instituciojn, lernejojn, seminariojn, gimnaziojn ktp. kaj precipe ankaŭ pri devigo de la pastraro en la tuta mondo al senprokrasta sinokupo pri Esperanto, por fariĝi ankaŭ tiurilate gvidantoj por la kredularo."

La diskutado rezultigas, ke la kunsidantoj trovas la nunan tempon ankoraŭ ne sufiĉe matura por la supre komunikita al ili ŝanĝita propono, tiom pli, ĉar la intenco de la proponanto, kies bonan volon ili plene aprobas, estos efektivigebla pli certe kaj pli rapide per alia maniero, pri kiu, laŭ decido de la ĉeestantaro, la raporto nenion diru.

Laŭ propono de la prezidanto Pro Poell kaj post ĉiuvoĉa decido la propono de Sro Halbedl estas forstrekita el la laborprogramo.

Prez. Pro Poell laŭtlegas jenan tekston de sendita al lia Papa moŝto telegramo:

„Al Lia Sankta Moŝto. Esperantistaj katolikoj kunvenintaj por la Sesa Internacia Kongreso malfermonta post malmulte da tagoj sian solenan kunsidon en Hago, alvokas de Lia Sankta Moŝto altegan benadon, kiu estu inspiro, bone agi por la triumfo de la helpa universala lingvo, kiu jam havis tiom da sukceso kaj kiun ili celas farigi efikan ilon de religia kaj sociala progresado kaj rimedon de multpova propagando de katolika religio inter ĉiuj popoloj."

Sro Alessio raportas pri siaj klopodoj por nia afero okaze de aŭdienco ĉe lia Papa moŝto.

Prez. Pro Poell donas la parolon al

Sro Mielert, kiu pritraktas la trian referaton de la 7a punkto de la labor-programo: Religiaj Esperanto-Festludoj. Aludante la konatan esprimon de niaj kontraŭuloj pri „malluma Mezepoko", li memorigas, ke, male, forta lumo trabrilas tiun periodon, la lumo de sankta kredo reganta ne nur en la preĝejoj sed ankaŭ sur la stratoj, en la lernejoj, juĝejoj kaj eĉ en la teatrejoj. Li klarigas la esencon de la religiaj festludoj el la kredemo de la tiutempa popolo. Riĉaj familioj ofereme subtenis ilin finance. La parolanto mencias la konatajn en la tuta mondo festludojn en Oberammergau (Bavarujo), kiuj tre kredeble ne plu okazos, precipe tial, ke la Bavaruja registaro principe rifuzas, subteni finance tiun entreprenon. Li atentigas precipe pri la klopodoj de la Germana dramaturgo kaj poeto Eriko Eckert, revivigi la malnovajn religiajn „misteriojn" per siaj modernaj kreaĵoj, kiuj ĝoje estas salutitaj de la Germana katolikaro, aludas la ĵus nun okazantajn festludojn en Breslau, anstataŭaĵo de la Oberammergauaj festludoj, kaj deklaras fine, ke la katolika Esperantistaro inter aliaj ankaŭ havas la taskon, rekonduki ne nur la tut-

mondan katolikaron sed ankaŭ la tutan homaron al pli noblaj ĝuoj, ol la moderna teatro, kinematografo ktp. kapablas havigi, nome: okazigi kaj revivigi la malnovajn religiajn festludojn en moderna formo, kiom eble sur natura scenejo, ĉefe per diletantoj, ne per profesiaj aktoroj, laŭ la principo de kiom eble delikata subjektiveco kaj laŭ la nova esprimsenco. Tiamaniere ankaŭ la skeptikuloj estos kortuŝataj de reprezentaĵo de la plej grandioza dramo en la mondo. La katolika Esperantistaro posedas jam nun multvaloran tian verkon majstre Esperantigitan de la kolonelo Zwach en Wien: „La savo de l' mondo“ de Eriko Eckert.

Sro Mielert finas sian referaton per jena propono:

„Nia VIa elektu komisionon, kiu ebligu daŭre religiajn festludojn, ĉu pasio-ludojn aŭ „misteriojn“ Esperantigitajn, okaze de la Esperantistaj tutmondaj kongresoj sed ankaŭ okaze de aliaj universalaj katolikaj kongresoj, kies lingvo post ne tro longa tempo ja estos Esperanto, kaj kiu okazigu kiom eble jam dum la venonta katolika Esperanto-kongreso de la 1921a reprezentadon de „La savo de l' mondo.“

La ideo de la referato kaj la propono estas entuziasme aplaŭdataj. Sro Heilker aprobas, anstataŭante provizore la prezidanton, tutkore dankante la parolinton pro la referato kaj salutante la proponon kiel bonegan propagandilon por la katolika Esperanto-movado kaj por la katolikaro mem. Li arde deziras la efektivigon jam dum la sekvonta kongreso.

Pro Meŝtan, kiu, instigite de Sro Mielert al traduko de la nomita verko de Eckert, volonte lasis la majstran tradukadon al la bone konata Esperantista poeto Zwach, opinias, ke la ideo estos efektivigebla nur dum la 1924a, kiam laŭ lia propono la 10 jar-jubilea kongreso de IKUE havos lokon en Wien. Aŭstruja Ligano promesis al li jam nun, persone subteni tiun entreprenon, akirante muzikistaron kaj kantistaron kaj preparante ĭndan reprezentadon de la nomita verko.

Sro Mielert insistas, ke la komisiono interrilatu kun Sro Eckert pri rajtigo al reprezentado, provante, akiri lin mem por tiu, ĉar li kutime aranĝas ĉiujn reprezentadojn kun du profesiaj aktoroj.

Sro Heilker proponas, ke oni atendu, ĝis la loko de la sekvonta katolika kongreso estos fiksita, kaj tiam elektu la komisionon el la nova kongreslando, por okazigi reprezentadon jam dum la 1921a, se tio estos efektivigebla.

Prez. Pro Poell aprobas tiun proponon kaj la tuta ĉeestantaro akceptas ĝin.

La prezidanto fermas la kunsidon per la katolika saluto.

Mielert.

## La tria kunsido, la 13an de Aŭgusto, ptm, je la 2a.

La prezidanto Pro Poell malfermas la kunsidon, petante la ĉeestantaron, respondi la katolikan saluton.

30 personoj partoprenas.

Prez Pro Poell laŭtlegas la respondan telegramon ĵus ricevitan de la Sankta Patro, en Franca lingvo:

Saint père, agréant hommage filial devouément des esperantistes catholiques rèunis sixième congres international et expression dezirs dont ils sont animés, leur accorde benediction apostolique implorée.

Card. Gasparri.

Esperantlingve:

La Sankta Patro, akceptante la filecan honorigon kaj sindonon de la katolikaj Esperantistoj kunvenintaj al la sesa internacia kongreso kaj la esprimon de iliaj deziroj, kiujn ili havas, donas al ili la elpetitan Apostolan benon. Kard. Gasparri.

La ĉeestantoj entuziasme aplaŭdas.

Prez. Pro Poell salutas la Honorkomitatanon Dro Sicking, rektoro de la gimnazia liceo, kiu ĉeestas la kunvenon.

La kunvenintoj aŭdas kun sincera bedaŭro, ke la tre ŝatata ĝenerala sekretario de IKUE, Pro Bianchini, estas malhelpita, veni el Meduno, kvankam li jam estis ekvojaĝinta.

Dro Smulders laŭtlegas raporton senditan de Pro Bianchini, en kiu li klarigas la estiĝon de la eldonita de li Tutmonda Katolika Jarlibro Esperantista, enhavanta ankaŭ fidindajn malkarajn hotelojn en diversaj urboj, kies preso estis komencita dum la 1914a, ĵus antaŭ la tutmonda milito. Ties eksplodo kaŭzis gravajn malagrablajn malhelpojn. Pro Bianchini eĉ estis malliberigata pro lia intenco, ebligi la korektadon de la presprovoj en la presejo. Ne estas do lia kulpo, ke la adresaro enhavas preseraroj̆n. La adresaro senvaloriĝis kaj nova adresaro nun estu eldonata de la nuntempaj redaktoroj de „Espero Katolika“. Li mem eksiĝis el lia ofico kiel ĝenerala sekretario de IKUE, precipe pro malsano, kaj petas, ke oni elektu novan sekretarion malpli maljunan. Lian daŭran intereson por IKUE li intencas pruvi per reeldono de Latinlingva Esperanto-gramatiko. Dezirante kaj elpetante Dian benon por nia Sesa, li finas sian leteron per la plej koraj salutoj al la kongreso.

Prez. Pro Poell rimarkigas, ke pro ekstarigo de nova Internacio Katolika la estraro de IKUE ŝanĝiĝos, ke Pro Bianchini eksiĝis kaj ankaŭ la prezidanto de IKUE, Pro Parker, eksiĝas ĝis elekto de la nova estraro.

La raportoj de la du antaŭaj kunsidoj, verkitaj kaj laŭtlegitaj de Sroj Marrevee kaj Dro Mielert, estas senŝanĝe kaj senrimarke aprobataj.

Sro Alessio sciigas, ke la prezidanto de la Itala katedro de Esperanto, Dro Tellini, lin komisiis, reprezenti la katedron en la Hag'aj kongresoj, ke lia amiko Pro Carolfi same komisiis lin, reprezenti la Italujan ŝtatan Esperanto-Federacion en la kongreso. La ĉeestantoj vigle aplaŭdas tiun komunikon.

Sro Schamanek proponas, kontentigi la proponinton de enkonduko de Esperanto en la katolikajn instituciojn, Sron Halbedl kaj la Stiriajn Liganojn, eble per letero, pri la nuna malakcepto de la propono, esprimante, ke la deziroj de la kunsidantoj eble adeptigos la pastraron. Prez. Pro Poell rediras, ke la pastraro ne estos adeptigata per deziroj, nur per agado, kaj proponas, aliri al la ĉefa tasko de la nuna kunsido: priparoli la ekstarigon de Internacio Katolika.

Sro Heilker, la prezidanto de la komisiono elektita por tiu temo, raportas pri ties du kunsidoj, kiujn ĉeestis krom li Dro Metzger kaj Sroj Alessio kaj Mielert.

La komisiono povis verki ĝis nun nur la plej gravan parton de la Statuto de la fondota Internacio Katolika. La pluaj partoj de la Statuto kaj de la Detala Regularo sekvos.

La principa demando: ĉu ŝanĝi IKUE, estis jesata, sed ne de la tuta komisiono. Tri komisionanoj deklaris kiel ĉefan taskon de Nia Ŝesa, ŝanĝi la Statuton de IKUE kaj ekstarigi la sopiratan de la plimulto de seriozaj katolikoj ĉiulandaj Internacion Katolikan. Nur Sro Alessio opiniis, ke IKUE devas resti, kia ĝi estas nun, pure Esperantista societo varbanta por Esperanto inter la katolikaro.

La komisiono verkis antaŭklarigon pri la historio de la ekstarigo de Internacio Katolika, ne aldonotan al la Statuto sed destinitan nur por publikigo en „Espero Katolika". Sro Heilker laŭtlegas tiun klarigon kaj la ĝis nun verkitajn ok paragrafojn de la nova Statuto.

Prez. Pro Poell demandas, ĉu iu volas rimarkigi ion antaŭ la diskutado pri la Statuto.

Pro Koller deziras la nomon: Internacia Katolika Unio.

Dro Metzger rediras, ke intence estis elektata la proponita nomo, ĉar Internacio Katolika signifas multe pli ol iu Unio. Ĝi estas vere universale ampleksa. La komisiono ankaŭ intence elektis kiom eble plej mallongan nomon.

Sro Alessio klarigas sian kontraŭstaron: oni mortigas IKUE, kvankam ni estas unuavice Esperantistoj kaj celas disvastigadon de Esperanto. Ekzistas multaj bonaj katolikoj, pretaj, varbi por la katolika Esperanto-movado, sed ne por la propagando de Katolikismo; tamen ili restas bonaj katolikoj. Ni montru al la mondo, ke Esperanto ne estas monopolo nur por Socialistoj kaj Liberpensuloj sed precipe ankaŭ por nia Eklezio; tio estas la ĉefa afero.

Sro Lutkie petas la komisionon, klarigi, por kiu celo la IKUE-regularo estis ŝanĝita; plue li deklaras, ke oni ne intencas mortigi ion, kio ĝis nun bone funkciis, sed ke oni volas pluon. Ni ne forigas nian taskon, disvastigi Esperanton sed tiun taskon ni lasu al la diverslandaj Ligoj. Nia celo estas la katolika internacio; tial la komisiono klarigu la celon de la statuto-ŝanĝo.

Dro Metzger respondas, ke antaŭ la kongreso Sroj Lutkie kaj Heilker ellaboris, interkonsente kun la prezidanto, projekton por renovigo de IKUE, ne sciante ankoraŭ, ke la du Ligoj: IKUE kaj la Mondpaco-Ligo „Kruco Blanka" intencas unuiĝi. Sed tiu unuiĝo estas necesa pro efektivigo de katolika internacio. Tial nova statuto enhavanta la kernon de la celoj de ambaŭ Ligoj fariĝis necesa. La nova Statut-projekto ne klarigas jam ĉiujn detalojn sed enhavas nur la nepre necesan paragrafaron, por ke ni povu eklabori. Ni devos enrigistrigi ĝin en la juĝejo kaj por tio sufiĉas la nepre necesaj paragrafoj. La resto apartenas al Detala Regularo.

Sro Lutkie aldiras, ke krom IKUE kaj „Kruco Blanka" ekzistas ankaŭ aliaj klopodoj, unuigi la tutmondan katolikaron. Ni unuigu ĉiujn klopodojn en nia projekto. La estonta Internacio Katolika devos bazi sur nia projekto.

Sro Hotzelt deklaras, ke la nova Statuto lin tute surprizas. Li urĝe avertas, eĉ „levante la manojn" — laŭ lia diro — unuigi IKUE kun „Kruco Blanka". Li nepre estas kontraŭ tiu fando, ĉar laŭ lia opinio ĝi grave malutilus al nia bona afero. Li memorigas pri la fonda kunveno de Germana

Ligo de katolikaj Esperantistoj, kiam, krom li inter aliaj ankaŭ prepozito Becker (Bromberg) estis kontraŭ unuigo.

Prez. Pro Poell rimarkigas, ke tiu tute nacia afero ne povas koncerni la internacian kongreson.

Sro Lutkie deklaras, ke ni ne intermiksu naciajn aferojn; ni fondu internacian Ligon kaj ĉiu nacia Ligo restos sendependa, ĉu ĝi volas unuiĝi kun ni.

Dro Mielert respondas al Sro Hotzelt, ke la Statuto eĉ ne per unu vorto mencias „Kruco Blanko"; do vere ne ekzistas danĝero por nia afero.

Sro Hotzelt rediras, ke la afero restas sama, ĉu la Mondpaco-Ligo estas citata aŭ ne.

Sro Heilker memorigas pri tio, ke la antaŭklarigo pri la historio de Internacio Katolika estas destinata nur por la kunvenintoj kaj por publikigo en „Espero Katolika", ne por la tutmonda katolikaro.

Sro Hotzelt aludas la § 6 de la nova Statuto kaj dubas, ĉu aliaj Ligoj unuiĝos laŭ tiu projekto kun Internacio Katolika. Nia atendu, ĉu aliaj sekvos nian Ligon kaj nomon. Ankaŭ li estas pacifisto, tamen kontraŭ unuiĝo kun „Kruco Blanka".

Prez. Pro Poell pretendas, ke „Kruco Blanka", kiel gravega parto de Internacio Katolika apartenu al ni, sed, ke ĝia nomo malaperu kaj ne estu menciata.

Sro Hotzelt rediras, ke tamen restas la fakto de unuiĝo.

Dro Metzger opinias, ke eble ekzistas dubo. „Kruco Blanka" havas du celojn: 1e movado por paco, 2e fondo de Internacio Katolika. Ni unuigu ambaŭ celojn en Ligo tute nova kun nova nomo. Sed tiu nova Ligo unuigu ĉiujn klopodojn celantajn unuigon de la tutmonda katolikaro. „Kruco Blanka" de la estinta tempo estas nur parto de Internacio Katolika kaj apartenas al estinta tempo. Ni akceptu la novan grandiozan projekton ĉion ampleksantan, kaj nur por ni fondantoj, por la nunaj anoj de ambaŭ Ligoj, estas necesa la antaŭklarigo pri ilia unuiĝo; la definitiva Statuto ne mencios la historion de tiu unuiĝo.

Pro Koller respondas al Sro Hotzelt, ke la interna ideo de Esperantismo estas tute pacema kaj ke neniu Esperantisto povas pretendi tiun titolon, se li ne volas akcepti la pac-ideon.

Prez. Pro Poell avertas, pasigi la tempon per malutilaj disputoj kaj li memorigas pri la kongres-regularo rilate la paroldaŭron.

Sro Hotzelt respondas, ke ankaŭ li estas pacemulo sed ne volas anigi ankaŭ aliajn ne tiom pacemajn, kiuj kredeble ne akceptos nian ideon.

Prez. Pro Poell rediras, ke nun ni ja ne pritraktas la ideon de pac-movado.

Sro Hotzelt persistas, ke „Kruco Blanka" kiel parto de „Internacio Katolika" ja celas pac-movadon.

Prez. Pro Poell rimarkigas, ke „Kruco Blanka" tamen estas vere internacia. Ĝi malaperos, restante nur por Aŭstrujo; IKUE malaperos kaj tute nova Ligo estiĝos.

Sro Hotzelt: Ŝajnas, ke ni simple ŝanĝis la Statuton de „Kruco Blanka". Li petas rimarkon en la protokolo, ke li estas tute kontraŭ la unuigo.

Sro Schendeler atentigas, ke ni havas du celojn: pac-movado kaj katolika internacio.

Dro Metzger: Ni ja restas tute liberaj, plenumi ambaŭ celojn aŭ ne. Ni fondu Internacion Katolikan (Ika). „Kruco Blanka“ havas saman internacian celon; ĝi do estas tute libera, unuiĝi kun Ika, same kiel faras IKUE.

Sro Hotzelt ricevas la parolon por lasta fojo kaj diras: Ni do volas, ke ankaŭ la kontraŭalkohola movado, la vegetarismo ktp. unuiĝu kun ni?

Prez. Pro Poell rediras, ke la kontraŭalkohola-movado ĝis nun ne venis al ni kun la intenco, aliĝi, „Kruco Blanka“ nin serĉis en tiu intenco. La prezidanto proponas, fini la diskutadon pri la nuna temo.

La ĉeestantoj aprobas.

Tiam sekvas la diskutado pri la Statuto de Internacio Katolika.

(Laŭ la oficiala raporto.)

Sro Schendeler proponis ĉe art. 1. anstataŭ la vorto „Internacio“ la vorton „Internacionalo“.

Post diskutado kun lingvista karaktero la ĉeestantoj decidis, konservi la nomon „Internacio“.

Sro Lutkie atentigis ĉe art. 5., ke per tiu estas malebligate al unuiĝoj, kiuj ankoraŭ ne uzas Esperanton, senpere kunlabori.

Sro Mielert pretendis, ke oni devu havi kuraĝon, malkaŝe prezenti Esperanton kaj postuli tiun lingvon por internacia interrilatado.

Post iom da diskutado estis decide akceptata „Ika“ kiel mallongigo de la titolo.

Pri art. 6. diversaj proponoj estis prezentataj. La komisiono de nove redaktu tiun artikolon.

La ceteraj artikoloj estas akceptataj.

Telegramoj alvenis de Kard. Piffl, Pro Parker, Monsro Diepen kaj Calier kaj de ŝia Reĝina moŝto.

Per dankvortoj la prezidanto fermis la kunsidon.

(Laŭ la raportoj en la Nederlandaj gazetoj.)

---

# Statuto,

akceptita de la Internacia Kongreso de Katolikoj, la 16an de Aŭgusto 1920a, por la

# „Internacio Katolika“.

### Antaŭklarigo.

Okaze de la VIa Katolika Internacia Kongreso en Hago en Aŭgusto 1920a estas fondata la „Internacio Katolika“ (Ika), kiu unuigas de post la 16a de Aŭgusto 1920a la ĝis tiam ekzistantajn ambaŭ internaciajn organizaĵojn katolikajn: la „Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista“ (IKUE) kaj la Mondpacligo „Blanka Kruco“.

Ika akceptas la sekvantan novan statuton, elektas novan komunan estraron, kunigante la ambaŭflankajn eventualajn havaĵojn kiel ankaŭ la revuojn.

## Statuto.

§ 1. Fondo. Nomo.

La VI<sup>a</sup> Internacia Kongreso de Katolikoj, okazante en Hago (Nederlando) dum Aŭgusto 1920, starigas internacian union de katolikoj, kies oficiala nomo estas „Internacio Katolika“ (Ik$^a$).

§ 2. Sidejo.

La sido de Ik$^a$ estas en Hago (Nederlando). La detala regularo fiksas la lokon de la administra oficejo.

§ 3. Celo.

La celo de Ik$^a$ estas la agema kunlaborado de la katolikoj ĉiulandaj, por efektivigi la veran praktikan Kristanismon en la persona, familia, sociala, ŝtata kaj interŝtata vivo laŭ la principoj de la katolika Eklezio.

§ 4. Rimedoj.

Por atingi la celon, Ik$^a$ uzas ĉiujn honestajn rimedojn laŭ la detala regularo.

§ 5. Lingvo.

La lingvo de Ik$^a$ por la internaciaj interrilatoj estas Esperanto.

§ 6. Membroj.

*a*) Ordinaraj membroj estas la ŝtataj aŭ regionaj organizaĵoj, kiuj laŭstatute iamaniere alcelas la realigon de la celo de Ik$^a$.

*b*) Individuaj membroj estas katolikoj el landoj, en kiuj ankoraŭ ne ekzistas ordinaraj membroj, al kiuj laŭstatute ili povus almembriĝi.

*c*) Eksterordinaraj membroj fariĝas ĉiuj organizaĵoj, kiuj almembriĝas, por subteni finance aŭ morale la celon kaj laboradon de Ik$^a$

La almembrigo kaj elmembrigo fariĝas laŭ la detala regularo.

§ 7. Estraro.

La estraro konsistas el la konsilantaro kaj el la direktoraro.

La konsilantaro konsistas el maksimume 5 delegitoj polande, kiuj estas elektataj laŭ la detala regularo.

La direktoraro konsistas el unu prezidanto, du vic-prezidantoj kaj polande unu direktoro kaj la ĝenerala sekretario, ĉiuj elektataj laŭ la detala regularo.

Pri la voĉdonado en la estraro decidas la detala regularo.

§ 8. Ĝenerala kunveno.

Almenaŭ ĉiun duan jaron okazas ĝenerala kunveno, kiu estas la ĉefa aŭtoritato de Ik$^a$

Pri la loko, tempo kaj tagordo decidas la direktoraro. Ĝia tasko estas la ĉefa decido pri la ĝeneralaj principoj de Ik$^a$, pri la statuto kaj ties eventuala ŝanĝo, pri la elekto de la prezidantoj kaj

de la ĝenerala sekretario kaj pri la senŝarĝigo de la administra oficejo.

La leĝforta invito de la ĝenerala kunveno fariĝas per subskribo de almenaŭ unu prezidanto (aŭ vic-prezidanto) kaj de la ĝenerala sekretario aŭ ties anstataŭanto, en la oficiala organo de Ika Rajtigitaj, voĉdoni, estas la membroj laŭ la detala regularo.

La laŭstatute invitata ĝenerala kunveno estas ĉiuokaze rajtigata, laŭ la detala regularo decidi per voĉdonado. La voĉdonado fariĝas laŭ la absoluta plimulto de la valoraj voĉoj.

§ 9. Havaĵo.

La havaĵo rezultas el la membraj kotizoj, pagataj laŭ la detala regularo, kaj el donacoj ktp.

La havaĵo estas rezervata al la realigo de la ideala celo de Ika. La membroj nek rajtas rilate al la havaĵo de Ika nek estas respondaj rilate al eventualaj ŝuldoj de Ika

§ 10. Statutŝanĝo.

La statuto estas ŝanĝebla nur per tri kvaronoj de la valoraj voĉoj de ĝenerala kunveno.

§ 11. Ĉesigo.

La ĉesigo de Ika nur estas ebla en ĝenerala kunveno, kies tagordo enhavas speciale ĉi tiun tagordon kaj nur per tri kvaronoj de la valoraj voĉoj. La eventuala resthavaĵo estas je la dispono de Lia Papa Moŝto.

§ 12. Detala Regularo.

La statuto estas kompletigata per detala regularo, kiu neniel konstraŭstaras la statuton. Ĝi estas ekstarigata en la fondkunveno kaj ŝanĝebla de ĉiu ĝenerala kunveno per simpla plimulto de la voĉoj.

* * *

# Ĉefaj paragrafoj de la detala regularo por la „Internacio Katolika“.

La statuto de Ika estas kompletigata per la „Detala Regularo“, kiu valoras kaj devigas por la Ika-anoj kiel la statuto. Ĝis la definitiva akcepto de la „Detala Regularo“, kiu estos ellaborata de la direktoraro de Ika, tiu ĉi provizora detala regularo devas esti akceptata kiel deviga aldonaĵo al la statuto.

Al § 2. La formala sido de Ika laŭ la ŝtata leĝo estas Hago, kie por tio la statuto estos registrata en la ŝtatan registron de societoj. La ĉefa administra oficejo estas en Graz.

La estraro rajtas ŝanĝi la lokon de tiu oficejo per $^3/_4$ plimulto de la voĉoj.

Al §§ 3 kaj 4. Specialaj taskoj rilate al la celo de Ika estas:

1e la internacia interkomprenigo, ĉu de opaj katolikoj ĉiulandaj ĉu de katolikaj organizaĵoj, rilate al unueca kunlaborado pri la solvo de la urĝaj problemoj de la nuntempaj religiaj, socialaj, kulturaj kaj moralaj demandoj;

2e la daŭra financa subteno de la administra oficejo de Ika, por ebligi reciprokan interrilaton de ĉiuj samcelaj katolikaj landorganizaĵoj; peradi reciprokan interŝanĝadon de spertaĵoj ktp.; organizi enketojn, internaciajn konferencojn kaj kongresojn; eldoni internacian organon de Ika, verki aŭ traduki mondvalorajn katolikajn librojn ktp.;

3e la kreo kaj daŭra financa subteno de specialaj komitatoj, precipe por la propagando de Esperanto, kaj de la pac-movado inter la katolikaro;

4e la ekstarigo kaj konservo de delegitaro diversnacia, zorgante krom por reciproka buŝa aŭ skriba subtenado laŭ speciala regularo, ankaŭ por daŭra eldono de adresaro enhavanta la estraron, ordinarajn kaj individuajn membrojn kaj ankaŭ la delegitaron.

Al § 6. La almembriĝo fariĝas per subskribo de la oficiala aliĝilo kaj per la akcepto de la direktoraro, post kiam ĉi tiu informiĝis ĉe la ŝtata direktoro. La elmembriĝo fariĝas per skriba deklaro de eksiĝo. La elmembriĝo povas okazi per tri kvaronoj de la voĉoj de la direktoraro, kontraŭ kies decido oni povas protesti ĉe la sekvonta ĝenerala kunveno.

La voĉdono okazas ĉu persone en kunveno ĉu per skriba cirkulero. La plimulto de la valoraj voĉoj decidas. Se la porkaj kontraŭ - voĉoj estas egalnombraj, la propono estas malakceptata. La templimo por la valora voĉdono estas tri monatoj post la forsendo de la cirkulero.

La tri prezidantoj decidas inter si pri la alterno de sia deĵoro.

La direktoraro decidas pri ĉiuj gravaj aferoj de Ika, kiuj ne estas rezervataj al la ĝenerala kunveno. Ĝi disdonas inter si memstare la necesajn oficojn.

Laŭ la deziro de almenaŭ du direktoroj pri iu ajn pritraktita aŭ pritraktota afero devas esti decidate de la estraro.

Al § 9. Ĉiu ordinara membro pagas po propra ano kaj pojare 0,1 Sm.

La individuaj membroj pagas krom la abonprezo de la oficiala organo, kiu estas deviga por ili, 1 Sm.

La eksterordinaraj membroj pagas laŭ kontrakto, farata kun la direktoraro de Ika.

Ĉiuj pagoj okazas laŭ nacia valuto.

### Organo.

Kiel oficiala organo de Ika estas fiksata la kreota „Internacio Katolika", eldonota de la administra oficejo laŭ la decido de la direktoraro.

# La ĉefaj katolikaj preĝoj.

Antaŭ la VI^a kongreso de IKUE speciala komisiono en Hago pristudis la tradukojn de la ĉefaj katolikaj preĝoj, por unuecigo, kaj fiksis tekstojn, kiuj dum kunsido la 11^an de Aŭgusto estis akceptataj de la ĉeestantoj (vidu la raporton sur la paĝo 188). Jen la elektitaj tekstoj:

## La katolika saluto.

Laŭdata estu Jesuo-Kristo. En eternecon. Amen.

## La formulo por la kruco-signo.

En la nomo de la Patro, kaj de la Filo, kaj de la Spirito Sankta. Amen.

## Patro nia,

kiu estas en la ĉieloj, sanktigata estu nomo via. Alvenu regno via. Fariĝu volo via, kiel en la ĉielo tiel ankaŭ sur la tero. Panon nian ĉiutagan donu al ni hodiaŭ. Kaj pardonu al ni ofendojn niajn, kiel ankaŭ ni pardonas al ofendintoj niaj. Kaj ne konduku nin en tenton, sed liberigu nin de la malbono. Amen.

## Saluton, Mario,

gracoplena; la Sinjoro estas kun vi: benata vi estas inter la virinoj, kaj benata estas la frukto de via korpo, Jesuo. Sankta Mario, Dipatrino, preĝu por ni pekuloj, nun kaj en la horo de nia morto. Amen.

## Mi kredas

je Dio, la Patro ĉiopova, kreinto de la ĉielo kaj de la tero. Kaj je Jesuo-Kristo, lia unusola Filo, Sinjoro nia: kiu estas koncepciita de la Spirito Sankta, naskita el Mario, la virgulino, suferinta sub Poncio Pilato, krucumita, mortinta, kaj entombigita: li malsupreniris al inferoj; la trian tagon reviviĝis el la mortintoj; supreniris ĉielon, sidas dekstre de Dio, la Patro ĉiopova: de tie li venos por juĝi la vivantojn kaj la mortintojn. Mi kredas je la Spirito Sankta, la sankta Eklezio katolika, la komuniĝo de la Sanktuloj, la pardono de la pekoj, la reviviĝo de la karno, la vivo eterna. Amen.

## Gloro

al la Patro, kaj al la Filo, kaj al la Spirito Sankta. Kiel estis en la komenco, kaj estas nun, kaj estos ĉiam, kaj en centjarojn da centjaroj. Amen.

---

# La Hag'aj Kongresanoj Katolikaj.

## Honora Komitato.

Krom la jam publikigitaj en la noj de Junio kaj Julio aliĝis ankoraŭ jenaj altranguloj:

Kard. A. Bertram, princa episkopo de Breslau, Germanujo;
Monsro J. Gross, episkopo de Litoměřice, Ĉeĥoslovakujo;
Monsro G. Haggear, greke-kata ĉefepiskopo de Portogruaro, Italujo;
Monsro Luigi, episkopo de Portogruaro, Italujo;
Monsro F. Karevicius, episkopo de Litovujo;
Monsro M. G. Vuylsteke, episkopo de Charadras, Apostola vikario de Curaçao;
Sro P. J. S. Serraens, ĉefestrarano de la internacia federacio de la Kristanaj Fakunuiĝoj en Utrecht.

*

## Tria Listo.

Kongresanoj:

57. Dro V. Hotzelt, Nürnberg (Germanujo, Bavarujo). — 58.. Pro F. B. Strauchen, Kl.-Lützel (Svisujo). — 59. H. B. van Zwet, Rotterdam. — 60. Pro R. Schikora, Hlučin (Ĉeĥoslovakujo). — 61. Pro J. Stahl Nürnberg. — 62. G. J. Degenkamp, Utrecht. — 63. P. Winkelmolen, 64. F. van Zeeland kaj 65. C. A. van Hoorn, ĉiuj Rotterdam. — 66. H. Sappl, München (Germanujo, Bavarujo). — 67. J. Perogordo, Madrid (Hispanujo). — 68. W. Knopf, Beuthen (Supra Silezio). — 69. T. van Riel kaj 70. Sno A. van Riel-Pierson, ambaŭ Tilburg. — 71. Fno A. van Griensven, Ootmarsum. — 72. P. A. Schendeler, Deurne. — 73. J. W. Koolen, Helmond. — 74. H. Damen, Den Bosch. — 75. Fno M. Terburg, Oosterbeck. — 76. L. v. Zufang, Nijmegen. — 77. Fno K. Kamp kaj 79. T. Kalkoen, ambaŭ Amsterdam. — 80. Pro L. Suermondt, O. Praed., kaj 81. Pro K. Preller, O. Praed., ambaŭ Nijmegen. — 82. F. Moubis, Maastricht. — 83. Dro St. Kemenes, Budapest (Hungarujo). — 84. P. Muffang, Anderghem (Francujo). — 85. F. Damen, Tilburg. — 86. Fno J. v. d. Plas, Den Haag. — 87. J. op ten Berg, Den Bosch. — 88. A. van Dam kaj 89. S. van Tol, ambaŭ Amsterdam. — 90. F. Schujver, Den Haag. — 91. A. v. Weerhorst, Amersfoort. — 92. A. Alessio, Padova. — 93. Fto Wynandus kaj 94. Fto Innocentius, ambaŭ Tilburg. — 95. A. Gelton, Rotterdam. — 96. E. A. M. Govers kaj 97. H. Govers, ambaŭ Den Haag. — 98. J. E. Hookham, Hampton Wick. — 99. L. Monchen, Den Haag. — 100. Fto H. van Oort, Zwolle. — 101. T. C. Simons, Rotterdam. — 102. Dro Schamanek kaj 103 J. Loder, ambaŭ Wien. — 104. Fno M. J. Udenhoed, Den Haag. — 105. Fno M. v. d. Boogaard, Breda. — 106. H. Kemme, Amsterdam. — 107. Sno Ras, Den Bosch.

Helpkongresanoj:

C. Stoop, St. Maarten. — C. v. Leeuwen, Hoofddorp. — Fno J. van Oven kaj N. P. A. Vroomans, ambaŭ Den Haag. — P. Winkelmolen, Rotterdam. — C. Blommestein, A. G. J. van Straaten, Kleisterlee, Sno Beysens, Fno T. Beysens, ĉiuj Nijmegen. — C. A. v. Hoorn, Rotterdam. — Fno W. Wieriks, Nijmegen. — G. Hoogeveen, Haarlem. — Sno Pastoor, den Bosch. — Dro Moller, Tilburg. — H. Meyer, Alphen a. d. Rijn. — Fno W. Swart, Hoofddorp.

---

Kvara (lasta) listo estos publikigata en la sekvonta numero.

# Neoficiala parto.

## Kongresfino: Laborkomenco!

Finiĝis la kongreso, sukcesis „nia Sesa“: komencas laboro hardita! — Ĉar, se la kongreso finiĝis, kaj feliĉe, kontentige finiĝis, tamen la kongrestasko ne pro tio jam sukcesis. Eble oni povas diri, ke ĝi eksukcesis, — sed, ĉu ĝi sukcesados, tio dependas de la laboro farota. Tiu laboro estu serioza, grava, konstanta, senlaca kaj praktika!

Dumkongrese oni ne nur pri Internacio Katolika parolis, oni ĝin starigis. Aŭ, pli ĝuste, oni jam antaŭe laboradis kiel Internacio Katolika, kaj la komenco de tiu laboro historie fariĝis dum „nia Unua“ en Paris, 30. Marto — 3. Aprilo 1910, — sed nun oni pliprecizigis la taskon, oni intensigis kaj plifortigis la penadon kaj oni unuigis la diversvojajn ĝis nun laborojn de Esperantistoj kaj de Blanka-Krucanoj.

Kvankam oni, ĝuste dirate, ne vere. f o n d i s la Internacion Katolikan, oni ĝin tamen plifortigis, firmigis, solidigis, k v a z a ŭ r e f o n d i s.

Sed komencas nun la plenumigo de la tasko alprenita!

Kion oni povos de post la nuna momento fari? Jen, mia propono:

Ekster nia Esperantistaro oni de el Nederlando ankaŭ klopodas fondi Internacion Katolikan, sed estas ĝis nun nur simpla klopodo! Oni volas fondi Internacion sur la fundamento de la grandaj ĉiuspecaj organizaĵoj katolikaj. Ŝajnas tamen tiu celo tre malfacile atingebla, ĉar oni ne konas la cirkonstancojn alilandajn: ne ĉie estas vastaj, fortaj organizaĵoj, ne ĉie la katolikoj estas k a t o l i k e organizataj, ne ĉie oni estas emaj, kunlabori sur la proponita bazo. S e oni sukcesos, s e realiĝos tiu Internacio Katolika, kunigante ĉiujn ĉiulandajn organizaĵojn, tiam ĝi estos de post la komenco treege potenca. Sed ĝis nun oni nenion valoran atingis. Estas ĝis nun nur simpla klopodo. Ĝis nun oni ne pli ol preparkomisionon starigis.

De tiu preparkomisiono unu el niaj katolikaj parlamentanoj estas la sekretario, kiu volis, ke mi, kiel Esperantisto kaj ano de IKUE, estu lia helpsekretario, je la nomo de „Nederlanda Katoliko“. Estas do en ĉi tiu helpsekretaria kvalito, ke mi devas esti la kunligilo por la Nederlanda klopodo kun la Ika, por ke ili ambaŭ kunlaboru frukte kaj daŭre kaj eĉ faru unu.

Estas do en ĉi tiu kvalito, ke mi petas al ĉiuj Direktoroj de Ika, ke ili proponu demandaron sekvantan al ĉiu kaj ĉia organizaĵo, kiu ampleksas nombron de katolikaj inter siaj membroj:

1e Kiu estas la nomo kaj la adreso de la organizaĵo?

2e Kiu estas ĝiaj celo kaj precipaj rimedoj?

3[e] De kiam ĝi ekzistas?

4[e] Kiel ĝi estas organizita:

*a*) materie: ĉu nacie, regione, en kiaj fakoj, branĉoj, sekcioj, sub kia gvidado, direktado, ktp.?

*b*) spirite: sur kiaj bazo, ideo, principoj?

5[e] Kion oni ĝis nun (precipe) atingis?

6[e] Kiom estas la nombro de la membroj?

7[e] Ĉu oni posedas propran organon? Ties nomo, ties aperfojoj jare, ties amplekso, abonantnombro, abonprezo?

8[e] Pro kiuj kaŭzoj la organizaĵo estas sur pure katolikaj (= ne: ĝenerale Kristanaj) principoj; — pro kiuj kaŭzoj ne sur pure katolikaj principoj, kvankam bonaj katolikoj aliĝas?

9[e] Ĉu oni ankaŭ havas internaciajn rilatojn? Kiom, kiaj ili estas? Kion oni per tiuj celas kaj efikis?

10[e] Aliaj rimarkindaĵoj.

11[e] Ni vin invitas je aliĝo al Ik[a], se via organizaĵo estas fondita sur pure katolikaj principoj; se ne, ni vin invitas, prezenti kaj klarigi la eblecon je kunlaboro.

Al ĉi tiu demandaro oni aldonu historieton de Ik[a] kaj sciigon pri ĝiaj celo kaj rimedoj kaj adresoj.*)

Ĉi tiun demandaron oni do proponu al ĉia organizaĵo, ĉu socia, politika, karitativa, estetika, scienca, ĉu eĉ sporta, al ĉia organizaĵo, kies membroj tute aŭ parte konsistas el bonaj katolikoj. Kaj tion oni faru tuj, senprokraste, ĉar ni devas senhezite komenci nian laboron, ĉar la tempo urĝas, kaj ni ne volas ŝajni mallaboremaj!

Kaj la ĉiulandaj Direktoroj de nia Ik[a] prenu ĉi tiun taskon sur siajn ŝultrojn. Kun la helpo de aliaj Ik[a]-anoj, kompreneble! Kaj tie, kie oni varbis episkopojn kiel honorkomitatanojn por „nia Sesa", tie oni demandu la apogon de tiuj samaj episkopoj, kaj, se eble, iliajn subskribojn sub la demandaro. Kaj same oni agu tie, kie oni la episkopon ne varbis kiel honorkomitatanon.

La respondoj estu mallonge, klare, laŭ vereco redaktotaj. Kaj la Direktoroj de Ik[a] kun siaj kunhelpantoj ilin tuj traduku Esperantlingve kaj ilin presigu en „Espero Katolika".

Tiel nia organizo montros sian efikecon. Tiel nia organo estos bonega informilo por la tuta mondo katolika.

Kaj poste, kiam la respondaro estos aperinta en E. K., tiam niaj ĉiulandaj Direktoroj denove ilin traduku aŭ tradukigu kaj presigu por la nacia presaro katolika, ĉiam aldonante: „el ‚Espero Katolika', organo de la Internacio Katolika".

Se oni ne ricevis oficialan respondon de la rilatanta organizestraro mem, tiam oni alimaniere serĉu kaj havigu al si la necesajn informojn. Oni do antaŭe fiksu daton, antaŭ kiu la respondaro devos esti alsendita.

*) Oni prijuĝu saĝe kaj prudente, se eble en kelkaj okazoj oni ne devas aldoni la 11[an] demandon, nek la historieton ktp. de Ik[a]. Kaj ke oni ĉion nur faru per dua skribaĵo, post ricevo de la respondaro.

Sed oni faru! Senprokraste. Ni devas montri al la mondo, ke la Internacio Katolika ekzistas! Ke ĝi laboras! Ke ĝi estas grava potenco!

Antaŭen! Prudente kaj forte. Ne postenrigardante.

Antaŭen! Sisteme kaj bone organizite.

Sub la beno de Dio antaŭen! Por la feliĉo de la homaro.

Je la sepa datreveno de la morto de nia amata Patro Austin Richardson: 19. Aŭgusto 1920.

Gemonde (Nederlando). Wouter Lutkie,
sacerdoto.

---

# Kun Dio antaŭen!

La lastan tagon de la milito kruele mortfalis en Belgujo juna Germana flugisto, kies taglibron oni trovis meze de la terura ruino de lia maŝino kaj lia korpo. En tiu libreto li ĉiutage notis siajn aventurojn kaj siajn idealpensojn, ĉiam finante: „Kun Dio antaŭen!“

Tiu devizo estu nia, post la glorplenaj tagoj de nia kongreso.

Kun Dio antaŭen!

Prudente kaj praktike, efike!

* * *

Mi jam proponis la demandaron (vidu la antaŭan artikolon).

Mi ankaŭ volas en tiu ĉi unua postkongresa numero rekomendi alian laborilon.

Jes, jam en tiu ĉi unua postkongresa numero: Ĉar nun pli valoras tuja laborprogramo ol tuja kongresraporto kompleta!

Mi do volas altiri vian atenton plenan al nia organo kaj al ĉio, kio per la presaro povas esti senprokraste farata.

Nia „Nederlanda Katoliko“ havas i. a. preskomisionon, kies senlaca kaj meritplena ĉefo estas S^ro^ J. Pastoor, ĵurnalisto. Tiu komisiono regule kaj sisteme verkas artikolojn, raportojn, sciigojn, ĉiuspecajn tradukaĵojn el Esp^aj^ revuoj, kaj dissendas ilin ĉu al la tuta, ĉu al la katolika presaro de nia lando.

Tian komisionon oni starigu kiel eble plej baldaŭ en ĉiuj landoj, en kiuj ni havas sufiĉe da anoj. Kaj ties ĉefa tasko estu, konatigi nian „Esperon Katolikan“, la enhavon ĉiumonatan de E. K.

La proponitaj ĉiulandaj preskomisionoj estu samtempe varbadresoj por E. K. Ĉar E. K., se ni volas, ke ĝi prosperu, devas havi siajn varbadresojn kun siaj kvazaŭ profesiaj propagandistoj en ĉiu lando. Estu do la prezidantoj de la preskomisionoj samtempe „kunredaktoroj“ de E. K., kiuj ankaŭ prenas la abonpagon en ilia lando.

Ĉar nia organo nun certe estas la plej taŭga propagandilo je nia dispono. Ni neniam laciĝu, elparoli, skribi, ĉiuokaze aŭdigi kaj vidigi ĝian nomon, kun parto de ĝia enhavo. Kaj ni faru el ĝi dankindan informilon por la tuta mondo katolika.

Oni devas almenaŭ dufoje po monato komuniki al la katolika presaro parton el la precipa enhavo de E. K. kaj traduki tutajn artikolojn el ĝi. Sisteme labori! Organize kunlabori! Kun verkistoj profesiaj aŭ almenaŭ homoj tute kapablaj, kiel nia Pastoor!

Fari, fari! Kaj tuj fari, senprokraste.

Niaj Direktoroj respondu pri ĉi tiu punkto!

Kun Dio antaŭen!

Ĉiam antaŭeniri, ne postenrigardante!

* * *

Do: Unue la demandaro,

Due la preskomisiono,

Trie nia plej malnova celo: la unuigo de la Eklezioj sub Romo.

Kaj pro ĉi tiu tria punkto: inviti Anglikanojn kaj eks-Anglikanojn, Protestantojn, Skismulojn je legado de nia E. K. kaj eĉ je verkado por nia E. K.

Serĉi adresojn de bonvolemaj nekatolikaj Esperantistoj, por sendigi al ili provekzemplerojn de E. K.

Inviti kaj invitigi ilin je niaj kongresoj.

Ankaŭ ĉi tio estos antaŭ ĉio tasko de la preskomisiono.

La sukceso de nia movado kaj de nia Internacio Katolika preskaŭ tute dependas de la taŭgeco de la preskomisionoj. Ni nepre bezonas multajn taŭgajn preskomisionojn. Unu en ĉiu lando, pli aŭ malpli grandan, laŭ la bezono de la lando mem. Sed nia movado nepre ilin bezonas tuj.

Nia espero estas je tiuj serioze kaj regule laborantaj preskomisionoj.

Niaj Direktoroj respondu pri ĉi tiu punkto!

Kun Dio, sub la beno de Dio, antaŭen!

Gemonde, je la ĉielnaskiĝtago de Austin Richardson.

Wouter Lutkie, sacerdoto.

---

# Rememoroj pri Hago.

De J. Schamanek.

Transirinte du ŝtatlimojn, ni Aŭstrujaj kongresanoj fine ankaŭ atingis post 40-hora seninterrompa vojaĝo la belan kongresurbon 's Gravenhage, en kies stacidomo alvokis nin verda flageto en mano de tie staranta sinjoro kaj montris al ni la ĝustan vojon. La tramvojo „5" venigis nin baldaŭ al la „Gesicht" (monaĥejo) en Noorderbeekdwarsstraat, kie niaj tri pastroj P^ro^ Meŝtan, P^ro^ Koller kaj P^ro^ Plank estis loĝigataj, dum mi estis kondukata Kepplerstraton. Tie mi ja ne retrovis la tri gravajn leĝojn Kepplerajn pri la paca movado de la planedoj, sed tri fervorajn samideanojn, S^rojn^ Marrevee, Heilker kaj D^ro^ Smulders, kiuj multe pensis kaj priparolis kaj skribis kaj agis pri la estonta paca movado de la katolikoj en la tuta mondo. Kaj la aminda, neniam laciĝanta

S[no] Marrevee zorgis, ke tiuj laboremuloj „en laboro paca ne laciĝu, gis la bela sonĝo de l' homaro“ katolika por eterna ben' efektiviĝu.

Post reakiro de miaj fortoj, iom elĉerpitaj de la longdaŭra veturado sur fervojo, mi ekpromenis tra la stratoj de Hago, aĉetinte stratplanon la plej malmultekostan, kies prezo, 60 cendoj, por mi egalis 36 K[ojn] laŭ Aŭstruja mono.

Preskaŭ ĉiuj stratoj en tiu bela urbo estas tute rektaj, iliaj domoj maksimume duetaĝaj, kaj ankaŭ la loĝejoj en tiuj etaĝoj havas apartajn enirejojn rekte el sur la strato, tiel, ke en tiaj domoj ekzistas eĉ kvar stratpordoj unuj apud la aliaj.



**La promenejo ĉe la marbordo apud 's Gravenhage (Den Haag).**

Malpuraĵojn sur la stratoj pavimaj oni ne trovas. Eĉ dum pluvo marŝante, mi neniel kotigis miajn ŝuojn.

Junaj kaj maljunaj personoj de ambaŭ seksoj lerte biciklas; miloj de ŝarĝitaj kaj neŝarĝitaj „fiets“-antoj rapidas al siaj celoj; oni eĉ promenas bicikle. Cetere oni ĉiujn partojn de la urbo facile povas atingi tramvoje por 10 cendoj (proks. 6—8 K[oj] Aŭstrujaj), ankaŭ la mondfaman marbanejon Scheveningen, kiu apartenas al Hago.

La akceptejo de la XII[a] Universala Kongreso de Esperanto, kiu ja ankaŭ havis tie lokon, estis proksima al la stacidomo, tamen ne facile trovebla, ĉar eĉ verda flago ne signalis tiun domon. Preskaŭ 400 samideanoj el 26 landoj sesfoje dum tiu kongreso kunvenis en la belega „Ridderzaal“. Kelkaj eminentuloj, S[roj] D[ro] Cart, generalo Sébert, kolonelo Pollen estis senkulpigintaj sian ne-ĉeeston pro malsano, en longaj salutleteroj; la plej juna Akademiano kaj eminenta oratoro S[ro] D[ro] Privat do havis la honoron, paroladi en la solena malferma kunsido. Per kortuŝantaj vortoj li priskribis la modelan vivon de la formortinta Majstro D[ro] Zamenhof.

La kongresanoj pritraktis novan statuton por UEA, eblecon, unuigi la Centrajn Oficejojn en Paris kaj Bern, la enkondukon de

Esperanto kiel ne-deviga fako en lernejoj ktp. Kiel la kongresurbo por la XIIIa dum la 1921a ĉiuvoĉe Praha, la ĉefurbo de Ĉeĥoslovakujo, estis elektata.

Por amuzoj kaj ekskursoj bone estis zorgate. La ĉefa ekskurso havis kiel celon la grandan Pacpalacon, en kiun, unu post alia, grupoj de 25 vizitantoj estis enlasataj, kvazaŭ oni poparte disdonus la pacon. Gvidistoj klarigis la vidindaĵojn per Holanda lingvo kaj samideanoj estis interpretistoj Esperantlingvaj.

Granda silento regas en la salonoj, la grandaj kaj malgrandaj ĉambroj por interkonsiliĝoj, la koridoroj, — la paco dormas ankoraŭ . . Eble la sinsekvantaj grupoj de nacianoj el 26 landoj parolantaj nur unu, la lingvon Esperanto, sukcesis iom veki ĝin kaj komprenigi al ĝi la vortojn: komprenante unu la alian, la popoloj faros en konsento unu grandan „pacon" familian. Eble la paco eĉ ne volas loĝi ankoraŭ en tiu granda malvarma konstruaĵo, kie nur malmultaj grandaj nacioj en siaj lingvoj ĝis nun parolis pri ĝi, ne respektante la grandan plimulton de homoj el aliaj, malpli grandaj popoloj; ĝi ja volas veni en la tutan mondon, forigi la obstinajn multspecajn barojn artefaritajn inter la popoloj; ĝi venos nur, kiam ĉiuj obeos la fortan vokon, ke ne al glavo sangon soifanta oni fidu, sed al laboranta, reciproke amanta, per parolo, skribo kaj animo facile interkomprenanta homaro . .

Veturado tra la diversaj gravaj stratoj de la urbo en speciale rezervitaj por la kongresanoj, signitaj per verdaj flagoj kaj la surskribaĵo „Esperanto" vagonoj tramvojaj vekis eĉ la plej indiferentajn Haganojn el la dormo pri Esperanto.

Meze de Aŭgusto Nia Sesa, la kongreso de la katolikoj Esperantistaj komencis diligente labori. Dank' al la preparaj kunsidoj la 10an, 11an kaj 13an de Aŭgusto la grandaj kunvenoj la 15an kaj la 16an havis bonan laborprogramon, kiu vekis ĉiuflankan intereson.

La rezulto estas prezentebla per jenaj punktoj:

1e Unuigo de IKUE kaj Kruco Blanka en „Internacion Katolikan" (Ika ), kies internacia komunikilo estas Esperanto;

2e Definitiva teksto de la ĉefaj katolikaj preĝoj;

3e Decido pri klopodoj, enkonduki Esperanton, almenaŭ ne-devige, en la lernejojn (precipe pastrajn);

4e Graz en Aŭstrujo-Stirio estos la kongresurbo de Nia Sepa.

Solenaj Diservoj kun Esperanta karaktero, festmanĝoj, kvazaŭ agapoj, amikigis la kongresanojn kunvenintajn el proksimaj kaj malproksimaj landoj en peza tempo. La festaj tagoj bedaŭre finiĝis tro baldaŭ kaj post tiuj „grasaj" de Hago ree venis la „malgrasaj", komencante por ni Aŭstrujaj partoprenintoj per sennutra reveturado hejmen, same longdaŭra kiel la alvojaĝo. Sed bela restos la rememoro pri Nia Sesa en Hago, pri la multaj amikaĵoj, kiujn ni ĝuis flanke de niaj tieaj samideanoj. Kaj nun ni ĉiuj laboradoj por nia komuna celo: Internacio Katolika.

---

# Prediko

dum „Nia Sesa“ en Hago (Nederlando) je Dimanĉo, 15an de Aŭgusto 1920a — de Wouter Lutkie, sacerdoto.

En la nomo de la Patro kaj de la Filo kaj de la Spirito sankta. — Amen.

Deus caritas est: Dio estas karitato (Jo. 4/8).

Dio estas karitato, estas amo.

Kaj ĉio, kion Dio faras, estas amfaro, ĉio, kion Li produktas, estas amaĵo.

Amfaro estas lia kreo, amfaroj estas lia homiĝo, lia sufero kaj morto.

Kaj ankaŭ, kion li pli speciale faras al ni persone dum nia ĉiutaga vivo, estas nepre amaĵo.

Kia konsolo en niaj malfacilaĵoj, suferoj, doloroj, per tiu certeco!

Kia ĝojo en tuta vivo nia per tiu certeco.

Kiel dankemaj ni pro tia amo devas esti je Dio.

Ni imitu tiun dian amekzemplon, por ke ni partoprenu la dian amfeliĉon. Amfeliĉon surteran kaj enĉielan.

* * *

Dio estas karitato, estas amo en si mem. Ĉar Dio estas siaj kvalitoj.

Dio havas en si ĉiujn perfektecojn. Ĉiuj perfektecoj, kiujn ni konas, Dio nepre ilin havas en si. Kaj ankaŭ ĉiuj perfektecoj, en senfina nombro, kiujn ni ne konas, kiujn ni eĉ elpensi ne povas, Dio ilin nepre posedas en si. Kaj la nombro de tiuj perfektecoj estas senlima. Ĉar Li estas la absoluta perfekteco mem.

Unu el tiuj perfektecoj estas la boneco, la karitato, la amo.

Dio do nepre posedas la perfektan amon. Ĉar Li estas la absoluta, la ĉiuspeca perfekteco.

Sed Dio samtempe estas absolute simpla, nedividebla. Li tiel absolute estas simpla, ke Li nepre estas, kion Li posedas, ke Li nepre estas ĉiu perfekteco, kiun ni alskribi devas al Li.

Dio do nepre estas la perfekta amo. Ĉar Li estas absolute simpla.

Per ĉi tiuj pripensoj la filozofio al ni racie instruas, ke Dio estas amo perfekta.

Kaj ankaŭ, kaj kun pli da certeco, nia sankta kredo instruas al ni, ke Dio estas amo. Ĉar la sankta Biblio tion diras: „Deus caritas est.“ (Jo. 4/8.)

La sankta Biblio estas la parolo de Dio mem. Per la sankta Biblio Dio mem parolas al la homoj. Per ĝi do Dio mem certigas nin, ke Li estas karitato, ke Li estas amo perfekta.

Ni do per absoluta, nedubebla certeco scias, ke Dio estas amo.

La faroj de Dio kompreneble estas diaj faroj. Tiel, kiel la faroj de homo estas homaj faroj.

Sed, ĉar Dio kaj Amo estas unu samo, tial la faroj de Dio povas nomiĝi ne nur diaj sed ankaŭ amaj faroj. Nomiĝi povas, ĉar efektive estas.

Pro tio, ke Dio, ne kiel homo, amon nur havas, sed amo estas, — pro tio, ke Dio kaj absoluta Amo estas tute identaj, tial la faroj de Dio estas faroj de Amo absoluta, estas nepre amfaroj.

La faroj de Dio estas diaj faroj.

La faroj de Dio estas amaj faroj; senrezerve, senkondiĉe, absolute, nepre, kaj, dank' al Lia naturo mem. — Kaj amaĵo estas ĉio, kion Dio produktas: Li ne povas ne-amaĵon produkti.

Sekve: la kreo de la universo estas dia amaĵo. — Ĉar Dio estas amo!

La kreo de la mondo estas dia amaĵo. — Ĉar Dio estas amo!

La kreo de ĉio, kio ĉirkaŭas nin, estas dia amaĵo. — Ĉar Dio estas amo.

La kreo de la homo estas dia amaĵo. — Ĉar Dio estas amo!

La kreo de ĉio, kion ni posedas, la kreo de tuta vivo nia, de ĉio, kion la vivo alportas al ni, estas dia amaĵo. — Ĉar Dio estas amo!

Amaĵo ankaŭ estas Lia homiĝo kun ĝiaj sekvoj ĉiuj: restado sur tero kiel simpla homo en dolorplena malriĉeco, suferoj ĉiuspecaj, morto kruela.

Dio ne devis homiĝi! Dio estis tute libera, lasi la kulpan homaron en peka sklaveco. Sed je liberigo instigis Lin Lia amo!

Kaj eĉ, post kiam Li homiĝis, tute ne estis necese, ke Li tiom por ni suferis. Li estis povanta, liberigi nin per sola volo Lia, sen ia sufero aŭ peno!

Li tamen homiĝis kaj suferis super ĉia mezuro kaj mortis kruele, — ĉar je tio instigis Lin Lia amo!

Li per tio volis impresi neforgeseble en nian konsciencon, ke Li senfine amas nin, ke Li estas la vera, la tuta amo, neelĉerpebla.

Kaj plue, ĉio, kion Dio faras pli speciale por ni individue, estas ĉiam kaj nepre amaĵo Lia.

Tion ni bone kaj scias kaj sentas koncerne je prospero, saneco, paco, riĉeco, je materia feliĉo.

Tion tamen ni ankaŭ scias, kvankam eble ne ĉiam sentas, koncerne je materia malfeliĉo, je malprospero, malsaneco, malpaco, malriĉeco. — En ĉi tiuj kazoj ni ofte ne sentas, ke ĉio tio estas diaj amfaroj, esprimoj de dia je ni amo; — ĉar ili suferigas nin, tial ni tion ne sentas, ni tion tamen scias, ankaŭ en ĉi tiuj kazoj, kaj per nia racia intelekto, kaj per nia kredo. Precipe kaj plej certe per nia kredo ni ĉiam scias, ke ankaŭ la malfeliĉaĵoj estas esprimoj de dia je ni amo.

Unu nur speco de okazeblaĵoj ne el dia amo elvenas. Estas tio, kio al ni alvenas, dank' al nia propra malbona volo. Niaj pekoj, niaj propraj pekoj: tiuj ne estas diaj amaĵoj; — tiuj estas homaj stultaĵoj.

Sed cetere, ĉio, ĉio, kio alvenas al ni, nepre estas dia amaĵo.

Ni tion scias. Ni pri tio nedubeble estas konvinkitaj. Absolutan certecon ni havas pri tiu verajo. Mankas al ni nur la daŭra, viva konscienco pri tiu firma scio. Ni ĝin do kulturu, ni ĝin kreskigu kaj neforgeseble tenu. Por esti feliĉaj. Kian konsolon tiu certeco kapabla estas doni al ni en ĉiu malfacilaĵo nia, en niaj sufero kaj doloro! Se tiun veron ni ĉiam tenus viva en nia konscienco, kian ĝojigan konsolon ĝi senĉese donus al ni eĉ en plej akraj doloroj niaj!

Kaj kian veran, riĉan ĝojon ĝi cetere donus al ni. Ekster la momentoj de doloro, kiam ĝi ankoraŭ konsolas nin, ekster tiuj momentoj ĝi plenigus nian vivon per ĝojo daŭra, senfina, ĉarmplena. Nia tuta vivo estus kvazaŭ radianta per ĝi.

Kaj per tio nia preĝo estus elaŭdita: „Sit splendor Domini Dei nostri super nos."

Tiu preĝo, kiun ĉiutage preĝas la Eklezio kaj la sacerdotoj: „Ke la splendoro, la brileco de Dio estu super ni." — Kiu splendoro? La splendoro, la brilo de la ĝojo, dank' al la viva en nia animo konscienco, ke Dio estas amo, karitata je ni amo!

Deus caritas est: Dank' al tiu scio la konscienco, dank' al tiu daŭra konscieno la ĝojo, kaj dank' al tiu ĝojo radianta la facileco, por ne nur scii kaj senti kaj ĝoji, sed ankaŭ fari.

Ĉar Dio, kiu estas amo, kiu faras amaĵojn, ankaŭ pro tio postulas ion de ni. Li donis al ni Sian am-ordonon neeviteblan, kiu estas ordono Lia tute speciala: „Hoc est praeceptum meum, ut diligatis invicem, sicut dilexi vos." (Jo. 15/12.) = „Ĉi tiu estas ordono mia, ke vi amu vin reciproke, kiel mi amis vin!"

Li, kiu estas amo kaj nur amon faras, Li ankaŭ ion siaflanke postulas de ni. Li demandas, ke ni ne nur sentu kaj ĝoju Lian amon, sed, ke ni ankaŭ niaflanke faru ion por Li kaj por pagi je Lia amo. Sed, se Li demandas, se Li postulas, se eĉ Li ordonas, Li tamen ne por si mem demandas. Li nur ordonas, ke ni amu nin unu la alian!

Kaj eĉ pli klare Li tion esprimas aliloke per Sankta Joano: „Si sic Deus dilexit nos: et nos debemus alterutrum diligere. (I, Jo. 4/11.) — „Se tiel Dio amis nin: ni do devas... unu la alian nin ami "

Li en perfekta ĝenerozeco, en absoluta grandanimeco nenion demandas por si mem, sed sole ion ordonas pro aliaĵ! Kaj Li deziras, ke nur tiel ni provu kaj montru nian amon je Li.

Ho, kiel volonte, kiel facile, kiel tutkore ni tion faros!

„Deus caritas est". Se ni ĉiam tenos en nia konscienco grandan tiun verajon, kiel gaje kaj senpene ni tiam plenumos tiun tute specialan ordonon de Dio!

Por sekvi, por imiti Lian ekzemplon, ni ĝin plenumos.

Ni, kiuj estas kreitaj laŭ dia imago, ni ja devas imiti dian ekzemplon. Por ke ni pli kaj pli iĝu similaj je Li.

Se Dio estas Amo, ni devas akiri plej eble multon da amo. — Se ĉiuj diaj faroj je ni estas amaj faroj, tiam ankaŭ ĉiuj niaj

faroj je aliaj homoj devas esti amaj faroj. Kaj ju pli ni amas, des pli ni similiĝas je nia ekzemplo. je Dio mem!

Ni do nin amu unu la alian!

Gefiloj, amu viajn gepatrojn, amu ilin el tuta via koro. Estu bonaj por ili, zorgemaj. Estu obeemaj je ili. Observu ĉiujn iliajn ordonojn. Ne el timo pro puno, ne el maldolĉa sento de devo, sed el amo ĝoja, grandanima. Plenumu ĉiujn iliajn dezirojn, ĉar estas plezuro por vi, tiel ĝojigi ilin: Imitu dian ekzemplon!

Gepatroj, amu gefilojn viajn. Eduku ilin en vera amo. Prizorgu precipe iliajn animojn. Ne per riproĉoj, ne per senĉesaj punadoj regu kaj eduku ilin; — ne kun maldolĉa sento de neevitebla devo, sed kun amplena koro, kiu nenion pli ŝatas ol eduki kaj helpi infanojn. Ĉar Dio amas vin: Imitu dian ekzemplon.

Gefratoj, amu vin, unu la alian, kaj ne timu, ke vi povus tro ami vin. Estu paciencaj, estu toleremaj unu je alia. Estu bonaj kaj helpemaj, estu afablaj kaj agrablaj en vera amo. Ĉar Dio estas amo: Imitu dian ekzemplon.

Geedzoj, amu vin unu la alian. Kaj ne timu, tro ami vin, ne timu, ke la de Dio ordonata amo je kreitaĵo povus esti kontraŭ la vera je Dio amo. Ne timu, esti tro indulgemaj, konsentemaj, ne timu, esti tro bonaj, se nur en vera, grandanima, neegoista amo. — La de Dio ordonata amo por la kreitaĵo ne estas, nek povas esti kontraŭ la de Dio ordonata amo por Dio. La amo, la vera, sindona amo estas unu. Ĝi egale ampleksas kaj Dion kaj kreaĵon. Kaj eĉ la vera al Dio amo nur per al kreaĵo amo sin esprimas. Estas Jesuo mem, kiu tion al ni instruis: per tuta Lia vivo, per Liaj faroj ĉiuj kaj suferoj, per Lia parolo senduba, neniam silentanta, neniam sian valoron perdanta.

Estu do grandanimaj, nemultpostulemaj, diligentaj, pacaj kaj konkordaj. Ne timu, esti tro afablaj, tro sindonaj. Amu vin ĝeneroze. Ĉar Dio ordonis vin, ami. Kaj Dio estas amo. Imitu do dian ekzemplon!

Gefianĉoj, amu vin unu la alian. Sed per dia amo, per amo laŭ dia ordono kaj intenco! Respektante, amante antaŭ ĉio viajn reciprokajn animojn. — Kaj tiel amu vin unu la alian plenkore. Kaj ne timu, tiamaniere tro ami vin. Donu vin tute unu al la alia, sindone, grandanime kaj malkaŝe. La vera amo ne estas dividata en si mem. Ĝi ampleksas kaj Dion kaj homon. Amu unu la alian senrezerve, kiel Dio senrezerve amas vin. Dio estas amo. Sekvu dian ekzemplon!

Kunuloj en ia rondo hejma, amu vin, unu la alian. Estu bonaj, pacemaj, afablaj. Montru vian amon per senlacaj servoj, per senĉesaj pruvoj de vera frateco. Estu dolĉe juĝantaj, estu volonte kaj gaje tolerantaj la malperfektaĵojn reciprokajn. Ne timu, esti tro bonaj, tro dolĉaj. Dio estas la amo senlima, neelĉerpebla. Imitu serioze ekzemplon dian!

Homoj ĉiuj, homoj ĉiaj, amu vin, unu la alian. Eĉ, se oni estas malafabla, maldankema. Ne facile laciĝu, montrante vian amon

efikan. Dio estas amo neniam laciĝanta, ĉiam malavara, ĉiam malŝparema, kvankam tiel malmulton da danko Li trovas. Imitu hardite kaj konstante dian ekzemplon!

Tiel, kaj nur tiel ni estos veraj Kristanoj. Sed tiel ankaŭ ni ĉiam estos feliĉaj, ĝojplenaj.

Ĉar tiel unuflanke ni ĝuos la ĝojon de la konscience posedata dia amo kaj aliflanke la feliĉon de la al homoj per niaj faroj esprimata dia amo.

Kia feliĉo sur tero: La daŭra sento de dia amo en ni mem, la senĉesa konscienco, ke ni estas amataj de Dio kaj la daŭra sento de kontentigo pro la ĝojo, kiun ni kaŭzas en aliaj homoj per niaj amfaroj! — Kia feliĉo sur tero!

Kaj poste, en la alia, en la eterna vivo Dio donos al ni, rekompence por ĉi tiu feliĉo surtera, Sian senfinan kaj perfektan feliĉon ĉielan!

Amu vin, unu la alian, ĉar: „Deus caritas est!“ — Amen!

En la nomo de la Patro kaj de la Filo kaj de la Spirito sankta, Amen.

---

# La Sciigo de Ĝojego.

## III. La Amo.

Ni evangelias, ni predikas la ĝojon. Ni anoncas la retrovon de l' feliĉo perdita. Ni montras la vojon al paradizo surtera realigebla: la feliĉo, la ĝojo en Dia amo.

La paradizo retrovita! Kia idealo! Ha, tro enorma, por esprimi per paroloj!

Kaj tamen tiun trezoron ni trovis. Kaj ne nur trovis por ni mem — sed volas ĝin komuniki al ĉiuj suferantaj deziruloj malsatemaj kaj soifemaj.

Tiun trezoron ni trovis en la malnova, ĉiam tamen juna, doktrino de Kristo.

La doktrino de Kristo. bone komprenata kaj laŭeble privivata, redonas al homo la feliĉon kaj la ĝojon. Ne nur la eternan feliĉon, sed ankaŭ la surteran. Ne nur la ĉielan ĝojon, por rekompenci al la surtera doloro, — sed ankaŭ la surteran ĝojon, malgraŭ la neeviteblaj surteraj suferoj.

Malgraŭ ĉio, la doktrino de Kristo ĉiam estas kapabla, igi feliĉa la individuan homon kaj la tutan mondon. Sed eĉ la individuan homon sen la tuta mondo. Per la doktrino de Kristo la homo iĝas feliĉa kaj ĝoja, meze de malfeliĉa kaj dolorplena mondo.

Ĉu tion oni ne deziru? Ĉu tion oni ne pasie serĉu kaj alprenu?

Ah . . . si scires donum Dei: se vi scius la donon de Dio!

Estas nur, ĉar la mondo ne konas la doktrinon de Kristo, tian, kia ĝi estas instruata de la katolika Eklezio! Nur, ĉar oni la

eklezian doktrinon nė konas, oni rifuzas ĝin, hezitas antaŭ ĝi, — nur, ĉar la katolikan Eklezion oni ne konas, nur tial oni ne estas feliĉa nek ĝoja.

Ĉi tiun veron ni volas montri.

Komencante per la ĉie konata de Kristo morala doktrino.

— — — — — — — — — — — — — — —

Kio do estas la de tiu doktrino esenco?

La esenco de la tuta doktrino de Kristo estas la Amo. Ne nur de la morala, sed ankaŭ de la spekulativa doktrino.

Dio estas amo, kaj sekve, ĉio, kion Dio kreas, faras, donas, instruas, ĉio estas nepre amfaraĵo. Kaj la verecoj, kiujn Li al ni malkaŝigas, rivelas, — estas nenio alia ol esprimoj de Dia je ni Amo!

Sed pli klare por ni montriĝas tiu senco en la morala de Kristo doktrino. La ĉefpunkto, la nurnepre necesa ordono de Jesuo estas, ke ni homoj nin reciproke amu.

Li per plej klaraj vortoj, per senĉese ripetitaj paroloj tion esprimas. „Ĉi tiu estas mia ordono: ke vi vin amu unu la alian, kiel mi vin amis.“

Kaj ankaŭ liaj Apostoloj tiun saman punkton samamaniere pritraktas kaj instruas:

„Vi nenion al neniu ŝuldas, se vi nur unu la alian amu.“

„Kiu amas proksimulon sian, plenumis la leĝon“.

Tio do sufiĉas. Ni nenion, eĉ ne al Dio, ŝuldas, kondiĉe, ke ni nur la homojn amu.

Kaj ĉu vi jam vidas, kiu rilato ekzistas inter amo kaj feliĉo?

Vi do scias, ke vere feliĉa estos nur tiu, kiu amas, kaj, ke veran feliĉon nur la amo donas.

Ĉu vi ne konas la feliĉan senton, kiun kaŭzas en ni ia bonfaro nia? — Se veran elaman bonfaron ni faris, ni nin sentas plenaj je ĝojo feliĉa. Ĉar nia bonfaro estis nenio alia ol esprimo de nia amo. Ni estas ĝojaj, dank' al nia propra amo!

Kaj sekve, se ni konstante povus esprimi aŭ almenaŭ interne senti amon nian al homo, ni nin konstante sentus feliĉaj.

Sed, supozu, ke eĉ la tuta mondo, ke ĉiuj homoj efektive sentas konstantan amon reciproke! Tiam la tuta mondo, tiam ĉiuj homoj enkore ĉiam estus feliĉaj kaj ĝojaj . . eĉ malgraŭ fizikaj suferoj ĉiaj Sed tio tiam samtempe signifas, ke la tuta mondo estas laŭesence Kristana!

Do. ĝi povas nur esti feliĉa, kondiĉe, ke ĝi estu verece Kristana!

Sed, pri la tuta mondo ĉi tio estas utopio. Oni nur tro bone komprenas, ke — ho ve — neniam la tuta mondo estas nek Kristana nek feliĉa.

Kaj la individua homo estus tre bedaŭrinda, se lia feliĉo dependus de la feliĉo tutmonda. Sed la propra enanima feliĉo estas nedependa de tiu kondiĉo. Eĉ meze de malfeliĉa kaj dolorplena kaj malamplena mondo, la simpla animo de sola homo povas esti per-

fekte feliĉa. (Perfekte, tiom, kiome perfekteco estas sur tero realigebla.) Ĉar, kiel ni jam diris kaj montris, la propra feliĉo nur dependas de la sola kondiĉo de propra amo. Neniu povas esti malfeliĉa, dum li amas. Neniu povas esti feliĉa sen la amo, sed ankaŭ, neniu povas esti vere malfeliĉa, kiam li siajn proksimulojn amas.

Kaj la amo estas la esenco, la tuta enhavo de l' doktrino Krista.

Do, la Krista doktrino nepre donas feliĉon kaj ĝojon.

* * *

## IV. La Eklezia Kredo.

Ni vidos, ke vere la tuta Eklezio estas nenio alia ol daŭra kaj detalplena anonco de ĝojo.

Ne nur Dio iĝis homo, por ĝojigi kaj feliĉigi nin, kaj dum surtera kaj dum eterna vivo nia; ne nur la Krista doktrino estas vera kaŭzo de senĉesa ĝojo por la tuta mondo; ne nur la starigo de la Krista Eklezio celis, feliĉigi ĉiujn homojn — ankaŭ ĉiu detalpunkto el la Eklezia doktrino, ĉiu individua helprimedo el la Ekleziaj rito kaj liturgio estas kaŭzo kaj instrumento kaj helpilo de ĝojo por ĉiu homo, kiu ilin, bone povas al si apliki.

Komence ni tion montros pri la Eklezia Kredo ĝenerale.

*

La Eklezio instruas al ni, ke ni devas kredi, kaj postulas de ni, ke ni kredu ĝiajn kredaĵojn. Ĝi metas sur nin la devon al kredo.

Kaj tiu devo, surmetita sur nian konsciencon, estas vera kaŭzo de ĝojo!

Por klare vidi tion, ni unue konsideru, kion la Eklezio efektive postulas de ni, kia estas ĝia doktrino pri kredo.

La Eklezio instruas, ke ni devas kredi ĉion, kion Dio rivelis kaj donas kredota al ni, pere de la Eklezio.

Tio estas la tuta principo ĝenerala. Se ĉi tiun oni akceptis, oni plu ne havas malfacilaĵojn, akcepti la detalajn kredaĵojn nek la tutan aron da ili.

*

La homo ekzistas tiel, kiel li estas. Kaj li estas bezonplena estaĵo. Ni ĉi tie ne disputu pri la kialoj, pri la kaŭzoj de la homaj bezonoj. Ni nur konstatas la ekziston de tiuj bezonoj. Dum ni scias, ke la Kreinto de la homo samtempe kaj egale estas la Kreinto de la homaj bezonoj. Dio ilin kreis, Dio do ilin volis en la homo. Kaj ni ilin konstatas en ĉiuj homoj kaj sekve en la homa naturo.

Unu el tiuj bezonoj estas la kredobezono.

Ni ne parolas pri la bezono, kredi la aŭditaĵojn de la ĉiutaga materiala aŭ intelekta vivo. — Ci tie ni sole parolas pri la bezono, kredi je misteraĵoj.

En la homa naturo estas la neneigebla bezono, kredi je mirindaĵoj, je nekompreneblaĵoj. Kaj ĉi tiun bezonon montras plej

klare tiuj homoj, kiuj perdis aŭ malakceptas aŭ rifuzis la veran kredon. Eĉ la renegatoj tiun bezonon montras. Eĉ la racionalistaj, la skeptikaj, la nurintelektaj renegatoj. Ankaŭ ili sentas en ilia koro la bezonon al misterkredo. Kaj ili serĉas, senkonscie ili serĉas la plenumon de tiu bezono, farante al si misteraĵojn el ĉia ne klare komprenebla fakto de ilia propra vivo, eĉ, kiam ili ne sin turnas al vulgaraj superstiĉaĵoj, kion ili plej multe faras. Sed eĉ tiam ili malkovras sian bezonon nekaŝeblan pri misterkredo. Ili kredas ĉu je „misteroj" de fatalo, ĉu je „misteroj" de la ama vivo, ĉu je „misteroj" psiĥologiaj, — sed ĉiam kaj neeviteble ili kredas je misteraĵoj.

Sed, anstataŭ kredi je veraj, indaj misteroj, ili kredas nur je malspritaĵoj aŭ simplaj nekompreneblaĵoj — kiujn ili erare tenas por misteraĵoj.

Ĉiuokaze tio sufiĉe pruvas, ke en la homa naturo neneigeble ekzistas la kredobezono. Kaj ni do prave konstatas, ke Dio kreis en la homan naturon la bezonon, kredi je misteraĵoj.

Sed atentu! Kiom malfeliĉaj ni estus, se, kontraŭe, Dio ne donus al ni ian efikan rimedon, plenumi tiun bezonon! Se Li lasus nin sen Lia helpo kun tiu bezono, vane dezirantajn, sen direkto serĉantajn, senefike penadantajn! Se ni nur povus trovi senvalorajn anstataŭaĵojn, por respondi al nia krianta bezono, kiel nepre kaj neeviteble malfeliĉaj kaj malĝojaj ni estus!

Kaj tiuj, kiuj fakte ne havas, ne akceptis la verajn kredotajn misterojn, kiel malĝojaj kaj malfeliĉaj ili estas!

*

La Eklezio devigas nin, kredi je ĝiaj misteroj. Kaj la moderna homo malvolas kaj malamas ĉian devon, ĉian devigan neceson. Ne, ĉar li estas tro fiera, sed, ĉar li estas malsaĝa kaj malsimpla, kaj, pro tio, malmodesta. La fiereco estas virto, la malmodesteco estas malvirto.

La modernulo malamas ĉian devigon. Kaj la Eklezio devigas nin al certa kredo!

Sed nun ni vidis, ke tiu certa kredo estas feliĉego por la homaro kredon bezonanta!

Oni ne povas malami devigon laŭnaturan!

Se vi malsatas, do nepre b e z o n a s manĝi, kaj anĝelo de Dio alvenas al vi kaj d e v i g a s vin, manĝi bonegan nutraĵon kunportitan, — ĉu vi rezistos tiun devigon?

Se vi nepre b e z o n a s, misterojn kredi, kaj la Eklezio de Dio d e v i g a s vin, kredi la plej altajn, plej belajn, sole indajn kaj objektive verajn misterojn, — ĉu vi rezistos tiun devigon?

Moderna homo, modernulo, — ĉu malsaĝulo vi volas esti kaj nomiĝi? — Vi ĉi tion ne volas, se vi estas forta, fiera kaj simpla! Tiam vi komprenos kaj konfesos, ke tiu devigo ne estas hontiga sed ĝojiga.

Jes, ĝojiga!

Ĉar Dio ne estimis sufiĉa, proponi al ni la verajn misterojn la vere kredindajn. Tial ĝojiga.

Se sole Li ilin al ni proponus. lasante al ni la elekton inter ĉiuj kredeblaĵoj, kredindaj kaj malindaj je kredo, Li nur tre neefike estus helpinta al ni! Se nia propra malsaĝeco, malforteco kaj senhelpa malscio devus elekti, tiam ni estus ankoraŭ en tre bedaŭrinda stato!

Sed, feliĉe! Dio pli efike helpis al ni, dirante: „Jen, ĉi tiuj estas la sole vere kredindaj misteroj“ — kaj el tio nepre sekvis, ke Li almetis kaj fiksis devon nian: akcepti tiujn vere kredindajn misterojn.

Do, ĉi tiu devigo estis absolute neevitebla. Sen ĝi Dio ne estus efike helpinta al nia bezono. Pro tio do la devigo mem estas feliĉo por ni kaj kaŭzo de ĝojo.

Kaj ni ekmiras kaj laŭdas la saĝecon de Dio, kiun ni ekkonas el la kredobezono, per kiu la homo estas allogata al vera kredo.

Kaj ni laŭdas kaj dankas la bonecon de Dio, kiu donis veran je tiu kredobezono plenumon per Siaj rivelaĵoj.

Kaj ni dankas kaj ĝojas pri la devigo, kiun Dio metis sur nin, por akcepti la de Li proponatajn sole kredindajn misterojn.

Kaj ni ekmiras kaj laŭdas kaj dankas kaj ĝojas je la splendida harmonio de ĉio, kion kreis Dio!

Et erant omnia valde bona!
Kaj ĉio estis bonega!
Kaj jen nia Feliĉo — jen nia Ĝojo!

Gemonde (Nederlando).

Wouter Lutkie, sacerdoto.

---

# Monsinjoro Luigi Paulini, Episkopo de Concordia (Italujo) por Esperanto.

Opera naturale è che om favella:
Ma così o così, natura lascia
Poi fare a voi secondo che vi abbella.
(Dante.)

Estas donaco natura, ke homo parolu:
Sed tiel aŭ tiel naturo ja lasas
Poste fari al vi, kiel ŝajnas al vi la plej bone.

Unus Dominus, una fides, unus Baptimus. (S. Paŭlo.)
Omnes vos fratres estis. (S. Evangelio.)

Tiel estas vere dezirinde, ke Esperanto fariĝu lingvo labii unius kiel eble plej, tiel, ke ĝi kunhelpu al fratiĝo de la popoloj en Fido, en la Spirito de Kristo, kiu oferdonis sin mem, por ke la homaro estu nur unu familio.

Luigi, Vescovo de Concordia, m. p.

*

Jen, klera episkopo, kiu scias memore ĉiujn niajn literaturajn ĉefverkojn, komencis sian aŭtografon per tri versoj de Dante, kiu je la fino de la kanto XXVI. de l' Paradizo parolas pri lingvoj kaj asertas, ke lingvo estas donaco de la naturo, kiun homoj povas ŝanĝi kaj krei laŭ iliaj bezonoj. Tiel Dante Alighieri jam dum la 1300a asertis la eblecon de lingvo artefarita sur natura fundamento. Esperanto do havis en la ĉefa teologa poeto Itala sian defendanton, 687 jarojn antaŭ ĝia ekzisto.

Meduno d'Udine. Bianchini.

---

# Petro dronante en la ondoj.

Nokte, dum la bril' de l' stelo,
Sur la Galilea mar'
Ŝipveturis en malhelo
Plenmistera la anar'

Petro vidas jen Jesuon
Levi superonde sin.
Kiu gvidos trans la fluon
Al amata Majstro lin?

Al Savonto li etendas
Kun sopir' la manon jen,
Kaj fervoran preĝon sendas
Pro la help' kaj pro la ben'.

Kaj la Majstro ame gestas,
Kaj obeas apostol',
Ĉar li tute certa estas,
Ke lin ŝirmos Dia vol'.

Sed maldormas la serpento,
Semas dubon en la kor',
Kiun kaptas nun timsento
Kaj de malesper' dolor'.

La dubul' komencas droni,
Ondoj tuj englutos lin,
Kaj nun devas li ekkoni,
Ke alvenas jam la fin'.

Kaj el plej profunda koro
Ekaŭdiĝas kri' kun fort':
Helpu, helpu min, Sinjoro,
Savu min de certa mort'!

Kaj la Majstro donas ame
Sian manon tuj al li.
Petra krio estis same
Por la sav' la garanti'.

* * *

Ankaŭ vi ne malesperu,
Eĉ en plej danĝera hor',
Al malfort' vin ne liveru,
Se kuraĝo iĝas for!

Voku ĉiam konfidplene:
Helpu, ho Savint', al mi,
Vin mi fidas senretene,
Helpo venas nur de Vi!

Kaj la Majstro vin instigos
Al kuraĝo kaj al fort',
Vian koron trankviligos,
Vin protektos ĝis la mort'.

Verkita germanlingve de Viktoria Loitzenbauer.

Esperantigita de kol. Zwach.

---

# Internacia Kongreso de la Kristanaj laŭ ilia fako aŭ metio unuigitaj laboristoj.

De la 15a ĝis la 19a de Julio 1920 okazis en Hago tiu kongreso. Ĉeestis 98 delegitoj el 10 landoj, reprezentantaj 3,367.000 anojn: nome Belgujo (150.000), Germanujo (1,250.000), Francujo (140.000), Hungarujo (190.000), Italujo (1,250.000), Hispanujo (60.000), Nederlando (katolikaj 170.000, Protestantaj 73.400), Aŭstrujo (59.000), Ĉehoslovakujo (7.500), Svisujo (17.500). Plue ĉeestis reprezentantoj el 3 landoj, en kiuj ne ankoraŭ stariĝis movado, por unuigi la Kristanajn laboristojn laŭ ilia metio, nome el Danujo, kie fariĝis klopodo, por unuigi la laborigantojn kun la laboristoj, el Anglujo, kie ankoraŭ nun ekzistas ununura neŭtrala movado, kaj el Luksemburgo. Laŭ diro de la Angla reprezentanto en lia lando komencis movado inter la Kristanaj laboristoj, por eksiĝi el la neŭtrala organizo, ĉar ĝi estas aliĝinta al la moderna internacia faklaboristunuiĝo.

La kongreso decidis starigi Internacian Federacion de Kristanaj meti-laboristunuiĝoj kaj aprobis ties statuton. La estraro konsistas el 11 anoj, kiuj inter si dividos la funkciojn. La ejo de tiu Federacio estos Nederlando. La kotizo estos jare 10 hol. Guldenoj po 1000 anoj, laŭ la meza prezo de la mono la 5an de Majo 1914 kaj la tagon, kiam oni devos pagi.

Ĝis la sekvonta kongreso oni prokrastis la decidon pri la fundamento; ĝis tiam jena regulo valoras:

„La Federacio stariĝis sur la fundamento de la Kristanaj principoj. Ĝi deklaras, ke en ekonomia kaj sociala vivo ĉiuj landanoj estas ŝuldantaj unuj al aliaj, ĝi do forĵetas la perforton kaj la interbataladon de la klasoj, tiom de laboriganto- kiom de laboristo-flanko.

La Federacio juĝas, ke la nuna formo de la Societo kaj de ties ekonomia mastrumado kontraŭstaras al ĝiaj principoj en esencaj punktoj. Gi do penadas altan reformigadon de la socia kaj ekonomia vivo laŭ organizado kaj leĝdonado, konforme al ĝiaj principoj.

La unua tasko de la Federacio estas prizorgado laŭ ĝiaj principoj de la interesoj de la laboristoj kaj oficistoj en ekonomia, socia kaj politika rilatoj.“

De ĉiu lando nur unu centra organizaĵo povas aliĝi: esceptoj tamen estos: nome de Nederlando estas aligataj du centraj organizaĵoj, la katolika kaj la Protestanta.

La kongreso plue akceptis kelkajn rezoluciojn, en kies unu ĝi protestis kontraŭ la bojkoto, kiun la „moderna“ Internacia Federacio de fakorganizaĵoj komencis kontraŭ Hungarujo.

Dum la kongreso ok internaciaj fakorganizaĵoj estis starigataj, nome de tekslaboristoj, de transport- kaj nutraĵ-laboristoj, de poŝtoficistoj, de fervojistoj, de butik- kaj kontor-oficistoj, de meblistoj, de tabaklaboristoj kaj metallaboristoj.

(El la Monata revuo pri la Nederlandaj statistikoj esperantigis Pro Poell.)

---

# J. Lüneman †.

Kiam ni dum „Nia Sesa“ memoris niajn mortintojn kaj preĝis Dion por ili, ni ne konjektis, ke dum tiu sama tago alvenos ĉe la familio en Hago la komuniko, ke mortis 33-jara en Semarang (Nederlanda Hindujo) nia samideano Johano Lüneman. Li estis unu el la pioniroj en nia movado, precipe inter la katolikoj. Jam antaŭ ol ekzistis speciala katolika movado, Sro Lüneman laboris por Esperanto inter la laboristoj. Dum la 1907a li helpis al la propagando de la lingvo internacia per la katolika gazetaro kaj estis unu el la iniciatintoj por la starigo de Societo por katolikoj-Esperantistoj, kiu dum la 1909a post propaganda parolado de Sro W. Lutkie Lzn. (tiutempe ne ankoraŭ sacerdoto) estis fondata. Sro Lüneman iĝis ĝia dua sekretario kaj tiam administranto de „Nederlanda Katoliko“. Ankaŭ eldonon de du

verketoj katolikaj, de li tradukitaj el la Nederlanda lingvo Esperanten, li prizorgis: la du unuaj numeroj de „Universala Esperanta Katolika Biblioteko".

Kiam fondiĝis, dum la 1910a, la Haga grupo, Sro Lüneman akceptis funkcion en ĝia estraro.

Li vizitis „Nian Unuan" en Paris 1910, dum kiu IKUE estis fondata. Liajn spertojn li utiligis por organizado de „Nia Dua" en Hago, kaj, kiu laboradis tiutempe kun li en la Organiza Komitato, scias, kiel li donis siajn fortojn por tio, eĉ dum noktoj.

Ankaŭ en aliaj fakoj de la socia vivo Sro Lüneman estis ĉiam helpema.

Por ke la merito de lia laboro estu pli ĝuste taksata, estas necese, diri, ke li ne facile perlaboris sian vivon kaj post laciga laboro, ofte malfrue, dediĉis ankoraŭ kelkajn horojn al klerigaj studoj.

En Novembro 1911a li forlasis sian hejmlandon, por havigi al si pli bonan situacion en Nederlanda Hindujo kaj, fervore laborante, jam baldaŭ li sukcesis akiri konfidencian pozicion ĉe komerca firmo.

Lia scio pri socia vivo baldaŭ estis rimarkata, kaj oni petis lian kunlaboradon en la „Asocio por katolikoj en Hindujo". Li akceptis kunlaboradon por la organo de tiu asocio.

Post naŭjara foresto li nun pretigis sin por retroveturo Holandon, sed febro malaria ekkaptis lin.

Doloriga sciigo al lia patro kaj liaj familianoj ĝoje atendantaj lian revenon, malĝojega komuniko al malnovaj amikoj liaj estis la sciigo pri lia morto en malproksima lando. „Feliĉegaj la mortintoj, kiuj mortis en la Sinjoro. Depost nun ili ripozos post laborado ilia: iliaj laboraĵoj sekvas ilin". (Apok 14: 13.)

Konsolplenaj vortoj por ni!

Preĝu ni Dion, ke Li donu al la animo de nia formortinta samideano ripozon eternan, al ni la fortojn, sekvi lian bonan ekzemplon je la gloro de Dio!

R.I.P.

Al la familianoj ni esprimas niajn sincerajn kondolencojn!

H. F. Pothast.

---

# Dro Zamenhof kaj Biblio.

Kun Dro Zamenhof mi havis dum kongresoj du interparolojn, dum kiuj ni parolis preskaŭ nur pri Bibliaj studoj. En Dresden Dro Zamenhof diris al mi: „Mi intencas traduki tutan la Malnovan Testamenton, vi traduku la Novan Testamenton. Estas grave, havi tradukon de tuta la Sankta Biblio."

Mi demandis, ĉu li konas la katolikan Latinlingvan „Vulgata". Li respondis, ke li serĉis ĝin, sed en Rusujo ne trovis.

Hejmen veninte el Dresden, mi sendis al li multvaloran antikvan eldonaĵon de „Vulgata" kaj li dankis per bela letero. Poste mi povis konstati, ke, tradukante dubajn tekstojn, li sekvis „Vulgata"-n.

En Anvers (Antwerpen) mi petis nian Majstron, progresigi la tradukon de Biblio. Malĝoje li respondis, ke multaj Esperantistoj protestis kontraŭ li pro tiu traduko, preferante, se li okupus sin pri tradukado de aliaj literaturaj verkoj. „Ho ne," mi respondis, „Biblio estas la ĉefverko por la homaro, kaj estas tre grave, posedi ĝin Esperantlingve, por ke ankaŭ ne-Kristanoj povu legi ĝin kaj akiri per ĝi konon de Dio kaj ĝustajn ideojn."

Li respondis: „Tiu ĉi estas ankaŭ mia opinio kaj mi intencas daŭrigi la tradukadon."

Mi petis lin insiste, ne halti, sed kiom eble akceli la laboron.
En niaj interparoloj mi konstatis, ke Dro Zamenhof estis tre bona viro kaj ke li ne estis „longe a regno Dei“.

Bianchini.

---

# Du konsiloj de la Esperantista Akademio al la Esperantistoj.

Ĉar Esperanto estas vivanta lingvo, la Akademio havas nek la rajton, nek la povon, trudi aŭ malpermesi ion ajn, sed la rajton ĝi havas kaj la devon, doni konsilojn.

1e La Akademio konsilas — krom en okazo de absoluta neceso — uzi nur tiujn radikojn, prefiksojn kaj sufiksojn, kiuj troviĝas en la Universala Vortaro kaj en ĝiaj Oficialaj Aldonoj (Vidu Oficiala Gazeto).

Ĝi cetere nun preparas trian aldonon al la Komuna Vortaro kaj organizos prilaboradon de tehnikaj vortaroj kun helpo kaj kunlaborado de spertaj Esperantistoj, kompetentaj en ĉiu teĥnika fako.

2e Aparte pri landnomoj, ĝi insiste kaj forte konsilas, precipe al la gazetoj, sed ankaŭ ĝenerale al ĉiuj Esperantistoj, kiuj konscias, ke disciplino estas absolute necesa, por konservi la unuecon de nia lingvo, uzi nur la Fundamentan kaj tradician finiĝon ujo: Turkujo, Rusujo, Germanujo, ktp.

La Akademio memorigas, ke jam en la jaro 1909 ĝi oficiale voĉdonis kontraŭ la sufisko i por landnomoj. La rezultaton de tiu voĉdono ĝi publikigis en Oficiala Gazeto, 25an Aprilo 1910, p. 326.

Akcepto de la sufikso i por landnomoj ne sole estus grava ŝanĝo en nia Fundamento sed ankaŭ signifus plenan disfalon de la tuta Esperanta sistemo, en kiu la vorto Turkio, ekz., nur povas havi la sencon Turk-io, nome, io turka aŭ turkaĵo, tute same kiel bon-faro signifas faro-bona. La vorto io jam ekzistas en Esperanto, kiel memstara vorto, kun la senco quelque chose, etwas, anything, kaj ĉar, laŭ klarigoj de Dro Zamenhof mem (Fundamenta Krestomatio, p. 249; Lingvaj Respondoj, dua serio, p. 30; Oficiala Gazeto, 25an Aprilo 1910, p. 324) ankaŭ prefiksoj, sufiksoj kaj gramatikaj finiĝoj efektive estas en nia lingvo nur memstaraj vortoj, tute similaj al la ceteraj, tial al la vorto io ni ne povas nun doni la sencon lando.

---

# Al la katolikoj de la tuta mondo!

La unuiĝo por la kat. Germanoj en fremdaj landoj sendis al ni alvokon kun la peto, publikigi ĝin en la oficiala organa de la Internacia Katolika Ligo Esperantista. Jen la teksto:

Ni Germanaj katolikaj Esperantistoj devas ekkoni la malĝojigan fakton, ke Germanujo ne estos kapabla dum la venontaj jaroj, nutri la propan popolon. Miloj de niaj samkredanoj estos devigataj, sekve de la malfeliĉa fino de la milito, serĉi novan hejmon en aliaj landoj. Preskaŭ ĉiutage ni ricevas demandojn de katolikoj, kiuj volas elmigri.

Dezirante, helpi ĉi tiujn samkredanojn per ĉiuj fortoj, ni estus al vi treege dankŝuldaj, se vi iom helpus al ni.

Estus por ni tre dezirinde, ricevi detalan raporton pri la ŝancoj por Germanaj katolikoj en via lando.

Ĉu vi estus inklina, helpi alvenontajn elmigrantojn aŭ akcepti reprezentadon de nia unuiĝo en via lando?

Por viaj informoj jam antaŭe koregan nian samideanan dankon.

Kun fidelkatolika Esperanto-saluto

Verein f. d. kath. Deutschen im Ausland (E. V.)
(Unuiĝo por la katolikaj Germanoj en fremdaj landoj.)

München, Tal 54.

---

# La peto pri preĝejo-vidaĵkartoj.

Responde al mia alvoko en la Junio-n[o] de E. K. mi jam ricevis kun kora danko preĝejvidaĵojn de la ĉisubaj samideanoj, por kiuj mi laŭpromese sendis al la administracio de E. K. por ĉiu respondinto unu Germanujan Markon.

Pro J. Nieuwendijk en Kwadendamme, Nederlando; Sro L. Kauling en Tilburg, Nederlando; Sro A. J. v. Schijndel en Helmond, Nederlando; Pro J. Stahl, Nürnberg, Germanujo; Sro J. Köstner, Regensburg, Germanujo; Sro Fr. Bischof, Stockerau, Aŭstrujo; Pro Sprentzel, Dresden, Germanujo; Sro K. Otte, Wien, Aŭstrujo; Sro H. Thomassen, 's Hertogenbosch, Nederlando; Sro B. Ulm, Wien, Aŭstrujo; Pro A. Pöller, Stift, Tepl, Ĉenoslovakujo; Pro A. Bruckner, Scheibbs, Aŭstrujo; Sro A. Oesterle, Brunn a. Geb., Aŭstrujo; Sro Fr. Rathwallner, Brixen, Italujo; Pro R. Schikora, Hlučín, Ĉehoslovakujo; Sro A. Valenti, Wien, Austrujo; Fno G. Caporali, Terni, Italujo; Pro F. Strauchen, Kl. Gützel, Svisujo; Pro G. Sonnenfeld, Friedberg, Aŭstrujo; Sno Al. Petit, Dijon, Francujo; Sno A. Macary, Lyon, Francujo; Sro J. Thomalla, Magdeburg, Germanujo; Sro W. Kijak, Radom, Polujo; Sro Fr. Prengel, Bydgoszcz, Polujo; Pro B. Kraus, Hötzelsdorf, Aŭstrujo; Fno M. Sprentzel, Dresden, Germanujo; Sro P. v. Hall, Nijmegen, Nederlando; F. Albino, London, Britujo; Sro F. Rauch, Wartha, Germanujo; Pro E. Schmitz, Haifa, Palestino; Sro M. Korpar, Graz, Aŭstrujo; Sro E. Fethke, Oppeln, Germanujo; Sro A. Jeziorowski, Ottmachau, Germanujo; Sro E. Migliorini, Roma, Italujo; Sro K. Vidikovski, Philadelphia, U. S. A.; Sro Kudrnovsky, Wien, Aŭstrujo; Sro G. Travaglia, Trento, Italujo.

Al ĉiuj koran dankon, speciale al tiuj, kiuj afable sendis pli ol la unu petitan karton. Pro tio mi plialtigis la sumon destinitan por E. K. kaj sendis 40 Germ. Mkojn kaj fl. 2.50 al la administracio E. K.

Nerespondintoj ne forgesu ankoraŭ plenumi mian peton!

Utrecht, 20an de Aŭgusto 1920. Svitberto J. Degenkamp.

---

# Kroniko.

**Francujo.** En Châlons-sur-Saône Sro J. Pichon intencas fondi grupon en katolika rondo. Ŝajnas al li utile, posedi nacian propagandan gazeton por katolikoj en Francujo kaj, esperas ebligi li tion.

**Italujo.** En Pisa ekzistas Katolika Espa societo, sekcio de la tiea Grupo Espa. Ĝia sekretario, Sro Alberto Bartoloni, studento en Pisa, Via S. Agostino 29, petas, ke ĉio rilatanta tiun societon (korespondaĵoj, gazetoj ktp.) estu adresata al li.

---

# Sciindaĵoj.

**Sro Saussure eks-Akademiano.** Laŭ apliko de la artikolo VII. 2 de la regularo, la Akademio decidis, ke Sro Saussure ne plu estas membro de la Akademio nek de la Lingva Komitato.

**Spertoj pri Esperanto.** Nia abonanto Sro Wittmann en Koppertsch (Bohemio) opinias, ke publikigo de personaj spertoj pri Esperanto dum la mondmilito povus forigi dubemon de Esperantistoj ne ankoraŭ konvinkitaj pri la praktika uzebleco de nia lingvo.

La germanlingva revuo de „Deutschnationaler Handlungsgehilfenverband", malamika kontraŭ Esperanto, triumfe certigis komence de la mondmilito: „Esperanto nun malaperis". La dezirataj de la proponanto „spertoj" pruvus, ke Esperanto vivis ankaŭ dum la tempo de la tutmonda milito kaj alportis utilojn diversaspecajn. Certe ekzistas katolikaj samideanoj, kiuj dum la kvinjara milito havis okazojn, renkonti alinaciajn Esperantistojn, ĉar la tutmonda milito sufiĉe „intermiksis" ĉiujn naciojn. Oni do povus kolekti tiajn spertojn en artikoloj certe tre interesaj kaj ni atendas kaj volonte publikigas tiajn senditajn al ni, se ilia enhavo ne ofendas alinacianojn.

**Arta infanedukado.** La gazeto de la Moravia instruistaro „Věstnik" volas aranĝi per Espo internacian interŝanĝadon de pensoj pri „kreaj" laboroj de infanoj (desegnaĵoj, modelaĵoj, manlaboraĵoj, ludiloj memfaritaj, marioneta teatro, stilaj laboroj). Interesuloj skribu al Sro J. Šembera en Brno (Ĉehosl.) Francouczko 72.

**Por internacia societo de Espaj oficistoj kaj oficistinoj** pledas alvoko en la Bern'a „Esperanto", invitante ĉiulandajn komercajn, industriajn, bankajn k. a. oficistojn kaj oficistinojn, skribi al Sro A. Oberrotman en Warszawa (Polujo), Krak. Przedm. 10/13.

**Geinstruistoj** estas petataj de la instruistino J. Šupichová, Malá Stěpánská 6 n., Praha II. (Ĉeĥosl.), sendi al ŝi informojn el la infana vivo, ĉar la redaktoro de Ĉeĥa porjunula gazeto en Praha volas ricevi tiajn gajnitajn de ŝi per Esperanto.

**Al fervojistoj.** Fno S. Dlouhá, Wilsonovo nádrazi, Praha (Ĉehosl.), oficistino de la Ĉehoslovakaj fervojoj, petas samprofesianojn en ĉiuj landoj, sendi al ŝi informojn pri uzado aŭ aplikado de Esperanto en la servo de la fervojoj kaj, ĉu kaj kie estis formataj specialaj unuiĝoj de Espaj fervojistoj kaj kia estis ilia programo.

---

# Petoj kaj Demandoj.

**En kia maniero** en delikatsentaj, homamaj animoj speguliĝas la milito? En „Esperanto", Bern, Sno M. Hankel, prez. de „Espa Literatura Asocio", Dresden A, Nicolaistr. 18, II., direktis jenan alvokon al la legantaro: „En ĉiuj militintaj landoj ekestis poeziaĵoj inspiritaj per la cirkonstancoj. Nun estas la

demando: En kia maniero en delikatsentaj, homamaj animoj speguliĝas la milito? La demando estas esprimata, ĉar oni okazigos sciencan esploron de popol-psiĥologio. Bezonaj estas poemoj parolantaj pri la milito, pri la mizero, funebro, malfeliĉo kaŭzita per ĝi. Oni bonvolu sendi tiajn versaĵojn en sia nacia lingvo al la supre nomita adreso.

**Kial ne „dobo"?** En la Romanaj kaj la Germanaj lingvoj mankas esprimo, por precize doni la ideon de tempo bezonata por unufoja turniĝo de iu stelo ĉirkaŭ ĝia akso. „24 horoj" estas tro longa esprimo, neoportuna kaj aplikebla nur rilate al la terglobo. „Plentago" estas nepreciza, „tago kaj nokto" tro longa kaj netaŭga. Sed en la Pola lingvo ekzistas la vorto „dobo", tute preciza kaj aplikinda laŭ la opinio de Sro Wierzchówski, Lwów. Li donas jenajn ekzemplojn por uzado: „Sur la terglobo daŭras unu dobo 24 horojn, sur la planedo Merkuro 87·97 terajn dobojn, sur la planedo Venuso 23·35 terajn dobojn, sur la luno proks. 28 terajn dobojn, sur la planedo Marso proks. 24·6 terajn dobojn" ktp. — La demando de enkonduko de tiu preskaŭ jam faka vorto koncernus kompreneble nian Lingvan Komitaton.

**Ĝi.** Kiu el la legantoj de „E. K." povas diri al mi, el kiu lingvo devenas kaj en kiu formo troviĝas la pronomo neŭtra Esperanta „ĝi"? (Pro Bianchini.)

**Strange** riproĉas Sro R. Bartal, rom.-kat. absolv. teologo en Bart (Ĉeĥosl.) la uzadon de la vorto „madjaro" en Esperanto. Laŭ li „hungaro" estas laŭfundamenta kaj la hungaroj mem ekskluzive estas kompetentaj, ŝanĝi la vorton. „Vi neniel imitu alinaciaĥojn en tiu ĉi demando — li skribis — ĉar „E. K." devas esti politike sendependa." — Sed, Sro Bartal, permesu al ni rediri, ke tiu demando estas, laŭ nia opinio, neniel politika, simple nur etnologia aŭ etimologia. Hungarujo nacilingve estas nomata „Magyar ország", kaj la nacianoj kantas en ilia belega kortuŝa himno: „Isten, áldd meg a magyart" (Dio, benu la madjaron) — do, se ili mem sin nomas tiel, kial la Esperantistoj ne havu permeson, uzi ilian ĝustan nacian nomon, sed nur la el la mez-Latina lingvo devenantan „hungaro"? Cetere, ni volonte forlasos tiun uzadon kaj nomos la madjarojn hungaroj.

**„Ŝerco de plumo,"** legita sur poŝtkarto de tre ŝatinda samideano, pastro, kiu mendis por si la revuon, eble la legantaron same amuzos kiel la administranton, kiu unuamomente estis iom surprizata, legante jenon: „Mi abomenas de nun la gazeton „Espero Katolika" . . . skribu al mi, kiel mi sendu la abomenmonon. ." — Ĉu ne vera „diablaĵo de plumo?" Kompreneble, ankaŭ tiu abomenmono estas tre bonveninta.

**En eksterlando serĉas** pozicion, pro absoluta neebleco, nuntempe trovi ian ajn taŭgan en Aŭstrujo, 30 jara katolika fraŭlo, fininta la filologian universitatan studadon (ekzamenita kun aprobo), povante instrui Italan, Anglan, Francan, Germanan, Latinan, Grekan lingvojn kaj la aliajn fakojn de mezaj lernejoj, sperta je bibliotekaj kaj librovendistaj laboroj, maŝinskribado kaj stenografio. Rudolfo Hiller en Wien, IX., Porzellang. 30, T. 46.

**Kiuj samideanoj ne-Germanaj** bonvolus sendi al mi interesan sciigon pri siaj spertoj je buŝa uzado de Esperanto kun alilingvaj Esperantistoj? Tiajn leterojn mi intencas uzi kiel bona propagandilo al mia konataro. Sed mi ne intencas respondi aŭ korespondadi. Antaŭe dankas Josefo Wittmann en Koppertsch ap. Brüx (Ĉeĥoslovakujo).

**Korespondadi** per poŝtkartoj ilustritaj kun poŝtmarkoj bildflankaj kaj interŝanĝi poŝtmarkojn kun ĉiulandanoj deziras Sro P. Derengowski en Bydgoszcz, Seminaryjna 9, Polujo.

**Korespondadi** deziras por poŝtkartoj kun ĉiulandanoj Sro A. Bartoloni, stud., sekr. de la Kata Espa Societo en Pisa, Via S. Agostino, 29, Italujo,

**Korespondadi** per leteroj kaj poŝtkartoj (precipe vidaĵoj de preĝejoj kaj lernejoj) interŝanĝe deziras S^ro^ V. Jovcev en Kaslite, Gabrovo, Bulgarujo

**Poŝtkartojn** ilustr. kun poŝtmarko sur la bildflanko deziras interŝanĝi S^ro^ E. Kuhn, stud. teol., Mainz, Augustinerstr. 34 (pastro-seminario) kun ĉiulandanoj.

**Poŝtmarkojn** interŝanĝas kun ĉiulandanoj: S^ro^ A. Zufang, Nijmegen, (Nederlando) de Ruyterstraat 171.

**Poŝtmarkojn** perfektajn Turkujajn Kapitulaciajn kaj aliajn malóftajn sendas P^ro^ E. Schmitz en Haifa, St. Charles, Palestino, al ĉiu sendinto iulanda de egalvaloraj laŭ Senf 1919.

**Vidaĵkartojn urbajn** interŝanĝas kun samideanoj en la tuta mondo, precipe Orientlandaj, Amerikaj, Nov- kaj Balkanŝtataj S^ro^ J. Cesarini, del. de UEA, en Potenza (Italujo). Li ĉiam respondas.

**Vortaron** German-Esp^an^ de Christaller deziras aĉeti S^ro^ H. Fahnl en Wien, XIII/2, Teyberg. 13. Li atendas proponon kun prezo-postulo.

---

# Literaturo, Muziko kaj Artoj.

**La vero pri Jesuo.** Laŭ la elfositaj noticoj de lia amiko junultempa. De Spiridiono Gopčević. Eldonita de G. Ziemsen, Berlin, 1920. — Tiu ĉi libro Germanlingva: „Die Wahrheit über Jesus" havas, laŭ la aŭtoro, jenan genezon. Antaŭ ok jaroj Gopčević konatiĝis en S. Francisko, USA, kun Hispanuja profesoro Juan Valdez, kiu estis trovinta en Jerusalem ladan skatolon kun ampleksa Hebrea papiroso. Tiu papiroso enhavis noticojn pri la vivo de Jesuo kaj devenis de samtempulo kaj amiko junultempa de Jesuo, nome Josefo Prof. Valdez, kvankam konvinkita, ke la Brituja Muzeo pagus al li por cedo de tiu papiroso unu „milionon de sterl. funtoj, tamen ne povis decidiĝi, doni la papiroson el la manoj, ĉar, perfidinte la sekreton de ĝia enhavo, li detruus la tutan Kristanan kulturon, kaj ĉar tiun monon li ne bezonis. Sed li konsentis, buŝe traduki la papiroson al Gopčević, kaj tiu la aŭditon ĉiam dum tiu sama tago fiksis sur papero skribmaŝine. Tiu traduko estas la enhavo de la supre nomita libro. Dum la tempo de l'tutmonda milito Valdez mortis ie en loko nekonata en Ameriko kaj prenis kun si en la tombon la sekreton de tiu papiroso. — Tion volas kredigi la aŭtoro. Sed fakte tiu tuta rakonto pri papiroso estas elpensita nur por sufiĉe facilkredemuloj. Tio evidentiĝas ne nur, ĉar prof. Valdez dokumenton tiom valoran simple lasis malaperi, sed ĉefe, ĉar la „papiroso" enhavis nenion alian ol la „faktojn", kiujn dum la sinsekvo de centjaroj Hebreaj kaj Kristanaj racionalistoj jam cent fojojn diris kontraŭ la Dieco de Jesuo. La hipotezoj prezentitaj en la nuna libro kaj la priskribo de la vivo de Jesuo entute estas nekredindaj. Nur malkleraj kaj ne juĝkapablaj homoj — bedaŭrinde ekzistas tre multe da tiaj — estas delogeblaj per tiu ĉi libro al erara kredo. Estas do rekomendinde, ke pastroj kaj kleruloj Kristanaj avertu la poŝojn de aĉetemuloj. D^ro^ R.

**La Esp^a^ Gazetaro.** Regule aperas — laŭ la ĝis nun de „E. K." ricevitaj numeroj — jenaj Esp^aj^ gazetoj: „Internacia Komerca Revuo". Monata organo ilustrata por komerco, industrio kaj internacia ekonomio. 1^a^ jaro. Jara abono 5 Fr. Admin.: Zürich (Svisujo) Centra poŝtfako 6104. — Esperantista Voĉo. Monata gazeto internacia. 3^a^ jaro. Jara abono 15 Mk, 2 Fr., 2 sh. Admin: Kraków (Polujo) Pedzichów 22. — Esperanta Finnlando. Organo de Esp^o^-Asocio de Finnlando. Ilustrata monata revuo, organo de Finnlandaj kaj esperantistaj interesoj. Nova serio 1920. Jara abono 30 internaciaj respondkuponoj. Adm.: Esperanto Oficejo, Helsinki, Kauppiask. 11, Finnlando. — Hungara Esperantisto. Oficiala organo de la Hungarlanda Esp^a^ Societo. 3^a^ jaro. Jara abono 6 Mk, 2 Svis. Fr., 20 K. Admin.: Szeged, Szentháromság-utca 30. — Germana Esperantisto. Oficiala organo de Germana

Espo-Asocio. 17a jaro. Jara abono 10 resp. 15 M. Admin.: Dresden 1, Struvestrasse 40. — The British Esperantist. Oficiala organo de „The British Espo-Association". 16a vol. Jara abono 25 internaciaj respondkuponoj. Admin.: London, W. C. 1, Hart-street 17. — Oficiala Gazeto Esperantista. Organo de la Lingva Komitato ktp. 7a vol. Jara abono 5 Fr. Admin.: Paris, 51, rue de Clichy. — Franca Esperantisto. Monata organo de la Francaj Esperantistoj. 2a serio, 1a jaro. Jara abono 4 Sm. Admin.: Paris IXe, 51, rue de Clichy. — L' Esperanto. Internacia monata revuo sub protektado de Itala Katedro de Esperanto. 7a jaro. Jara abono 5 Fr. Admin.: A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italujo). — La Progreso. Ĉehoslovaka organo Esperantista. 3a jaro. Jara abono 12 K, Admin.: F. Kavan, komercisto, Plzeň, Poděbradova tř. 6. — La Esperantisto. Monata organo de Esperanta Universitato Popola, dediĉita al la interna ideo de l' Esperantismo. Jara abono 4 internaciaj respondkuponoj. Admin.: Wien (Aŭstrujo) II/1. Postamt 34. — Esperantista Laboristo. Socialista, Sindikalista, Liberecana. Internaciista (kun aldono: Le Travailleur Espérantiste). 1a jaro. Jara abono Fr. 7·50. Admin.: L. Glodeau, Paris, 177, rue de Bagnolet. — La Espero. Oficiala organo por Sveda Espo-Federacio kaj Norvega Espa Ligo. 8a jaro. Jara abono Sved. K 4·50. Admin.: Eldona Societo Esperanto, Stockholm I. — Esperanto. Oficiala organo de Universala Espo-Asocio (UEA). 16a jaro. Jara abono 10 Fr. (kun UEA-membreco Fr. 12·50). Admin.: Bern, Museumsstraße 14. — Nova Tempo. Internacia monata revuo por komunaj kulturlaboroj kaj mondrilatoj. Jara abono K 25 —. Admin.: Wien (Aŭstrujo) VI., Mollardstraße 55. — Blanka Kruco. Oficiala dumonata organo de la Germana Ligo de katolikaj Esperantistoj kaj de la Aŭstria katolika Ligo Esperantista. 3a jaro. Jara abono 1 Fr., 2 M., 4 K. Admin.: Graz (Aŭstrujo-Stirio), Volksheilzentrale, Karmeliterplatz 4/5. — La Unuigita Tuthomaro. Monata gazeto. 2a vol. Jara abono M 7·50. Admin.: Bahai-Verlag, Hamburg 35. — Universo. Internacia klubo por la interesoj de la bontemplanoj, por komerco kaj industrio, por kolektantoj, korespondantoj, pacifistoj kaj turistoj. Jara abono 5 M. Admin.: G. Strößner, München, S 50. — Nederlanda Katoliko. Oficiala monata organo de la Neda rom-kat. Espa Ligo. 11a jaro. Jara abono S 1·50. Admin.: Th. C Simons, Rotterdam, Vrouw Jannestraat 23 b. — Esperanto-Mitteilungen. Eldonataj monate de la Espo-unuiĝo por Stirio. 4a jaro. Admin.: Graz (Aŭstrujo-Stirio) VI., Schönaugasse 6/2. — Esperanto-Mitteilungen, monataj de la landa Ligo de Espo-unuiĝoj en Bohemio. Admin.: Centra Oficejo de tiu Ligo, Teplitz-Schönau (Ĉehoslovakujo-Bohemio), Badeplatz 5. — Mitteilungen de la Ligo de kataj Espoj en Germanujo, loka grupo München. Admin: München (Germanujo-Bavarujo), Isabellastraße 40/3. — Esperanto-Praktiko. Monata gazeto por amuzo kaj perfektigo de germanlingvoj Esperantistoj. Jara abono 5 resp. 6 M. Admin.: F. Ellersiek, Berlin S 59, Wißmannstraße 46.

**„Imitado de Jesu-Kristo"**, tradukita de Pro Deschamps (v. Religiaj libroj en: Sciindaĵoj de Aprilo-no) estas, laŭ sciigo de Don M. Biscaglia, Lasino (Italujo), traduko nur de la unua libro de tiu fama religia verkaĵo, kaj laŭzupoze ne el la originalo, ĉar ĝi ne estas fidela kaj enhavas multajn erarojn, kaj anstataŭ utili — li skribas — al mi en mia traduko de la „Libroj kvar pri la imitado de Kristo", tre min malhelpis. Mi jam de kelkaj monatoj — li daŭrigas — finis la tutan tradukon. Kun helpo de Dio mi ĝin revizos kaj, se eble, presigos.

**Prudens Sexdecim Linguarum Confessarius.** Gabriel Beauchesne, Paris, Rue de Rennes 117. — Nun popoloj vojaĝas en la tuta mondo, kaj fideluloj troviĝas en tre malfacilaj kondiĉoj, por ricevi sakramentojn. Jen, libreto, kiu faciligos la devon por pastroj kaj por fideluloj. Ĝi enhavas konfesojn kaj benon de matrimonio (edzigo) en 16 lingvoj: Latina, Angla, Ĉeha, Kroata, Dana, Franca, Germana, Greka moderna, Hispana, Hungara, Itala, Nederlanda, Pola, Portugala, Rumena kaj Rusa. Pro B.

---